XIª jaro. Nº 172 (13) ☆ Duonmonata ☆ 20 julio 1914

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824.— Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*



Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## AL NIAJ LEGANTOJ

*Pro la Pariza Kongreso,* **Esperanto** *ne aperos la 5 aŭgusto. La proksima N-ro eliros do la 20 aŭgusto kaj enhavos plenan raporton pri la Kongreso. La nuna N-ro aperas kun 20 paĝoj.*

NUNTEMPAĴOJ

# LA PACO

## ĈU VI VOLAS ĜIN?

V

Nun ni studu, kiaj estus la konsekvencoj de ribelismoj, reciproka, pacocela kaj samtempe malpligrandiga, supozante, ke ambaŭ progresas egale rapide, ke la nombro kaj la fervoro de ambaŭaj ribelistoj restas konstante egalaj.

1ᵉ Kiam ili estas malmulte disvastiĝintaj, la malpligrandiga neniom efikas, do la rezultatoj estas nur tiuj de la pacocela: Por dummilitaj eblaj konsekvencoj ili iom postulas indiferentecon pri la interesoj de la patrujo, sed nemulte (kaj tiu, kiu nenion riskas nenion ludgajnas). Por pacotempaj rezultatoj ili ne postulas indiferentecon. Ili malplioftigus la militojn pri negravaj interesoj, sed se milito okazas malgraŭe, ili kaŭzas ribelon sangverŝan, ĉar ĝi malfacile sukcesus.

Ili neniom influas pri armiteco.

Tiam, iliaj konsekvencoj ne estas allogaj.

2ᵉ Kiam ilia disvastiĝo estas granda, kiam iliaj anoj estas multaj, la konsekvencoj dummilitaj estas nur tiuj de la pacocela, ĉar armilforigo proporcia je maksimuma forteco atingebla ne influas dummilite: tiuj konsekvencoj postulas indiferentecon, sed nemultan. Iliaj pacotempaj rezultatoj, pro reciprokeco, estus jen profitdonaj, jen malaj je nia regno; ili postulas indiferentecon nur malmulte kaj nur en la landoj, kie ili efektive naskus ribelon armilforigan.

Ili ne forigas la militojn, kiujn komencus iu regno por protekti interesojn siajn tiom gravajn, ke ĝia malamiko ne havas interesojn egale gravajn vundeblajn per nemilitaj agoj; kaj kelkfoje, malgraŭ la ribelminaco, okazos militoj pri malpli gravaj interesoj; tiam tiu opinio naskos ribelon, sed ĝi facile sukcesos. Se ribelemo malpligrandiga ne sufiĉas, se ribelo estas necesa por efektive parte forigi la armilojn, ĝi iom malforigos bataladon.

Tiu duobla ribelismo malpligrandigas la armitecon ĝis kvanto proporcia je maksimuma forteco atingebla. (Tiu maksimumo estas rezultato ne nur de la facileco plifortigi sin, sed ankaŭ de l' bezono tiel agi, pro celoj ambaŭ internaciaj kaj internaj.)

Konklude ŝajnas aprobinda la propagando de tiuj, kiuj celas naski duoblan ribelemon pacocelan reciprokan kaj samtempe malpligrandigan, se ili predikas, ke ribeloj devas okazi nur kiam la partianoj de tia ribelismo estos vere tre multaj.

Sed tiu opinio ne estas praktikebla, ĉar kiel la amaso de l' ribelismanoj povos juĝi rapide, kiam milito komenciĝas, ĉu la interesoj koncernataj de l' malkonsento pretervaloras la reciprokan maksimumon aŭ ne?

Ĝis nun ni studis nur du pacocelajn ribelismojn malsamajn.

La ribelismon senesceptan, kiu celas naski ribelon kontraŭ ĉiu ajn milito, senatente pri la kaŭzoj, kial la registaro partoprenas ĝin, senatente ĉu ĝi estas ataka aŭ defenda, kaj

ankaŭ senzorge ĉu aliflanke de l' landlimo ribelo simila malhelpus la detruon, kiun tia nia ribelo povus alporti al nia patrujo.

La alia estas iu ribelismo reciproka, kiu minacas ribelon en unu malkonsento, nur se ribelismo sama ekzistas en la kontraŭa regno tiom disvastigite, ke ĝi igas verŝajna la submetiĝon de tiu regno je siaj pacopostuloj en malkonsento mala egale grava.

Kvankam ne vortiginte tiun mian penson, mi ĉiam supozis, studante ĉi tiun pacoribelismon, ke ĝiaj partianoj ĉiulandaj intencas ribeli kontraŭ sia registaro ne nur kiam ĝi komencas, iniciatas iajn militojn, sed ankaŭ kiam, rebate je atako de sia malamiko, ĝi komandas siajn armilulojn sur la landojn aliregnajn. Kaj tiu estas trajto esenca: efektive, tian ribelismon pacocelan reciprokan oni povus difini jene: ĝi punas per ribelo la ekokupon de lando eksterregna, kiam la graveco de l' malkonsento, kiu kaŭzas ĝin, ne preterampleksas iun maksimumon.

Male, se ĝi naskus ribelon nur unuflanke de l' landlimo, nur kontraŭ la regno, kiu komencas batali, ĝi eble kaŭzus ĝian detruon. Ĝi per nepra malvenko punus la patrujon pro kulpo de ĝia registaro ekmilitinta, anstataŭ puni per ribelado nur la registarojn.

Oni tiom malpli prave antaŭpensus, ke tia unuflanka ribelismo reciproka progresos rapide, ke la ekmilitanto ne ĉiam estas la militkulpulo.

Efektive, militkaŭzinto estas tiu, kiu unua malutilis la alian. Tiel, se iu regno per nemilitaj agoj vundas malprave la honoron aŭ la interesojn de alia, se ĉi tiu, deziranta ĉu ĉesigi la konduton malagrablan de sia malamiko, ĉu ricevi kompensojn, komencas militiron, ĝi vere estas nur ekmilitanto ne kulpigindulo.

Tio nature kondukas nin ekzameni la ribelismon justecan. Ĝi vestas ĉiujn nuancojn, kiujn ni ekzamenis koncerne la ribelismo pacocela:

Justeca senescepta,

Justeca reciproka, kiu naskas ribelon nur, kiam la graveco de l' interesoj ne ĝisampleksas iun maksimumon reciprokan.

Reciproka, ĝi entenas du specojn tre malsimilajn: unu naskus ribelon ne nur en la maljusta regno, sed ankaŭ en la alia, tuj kiam ĝiaj militistoj provus ekokupi parton de l' lando aliregna; la alia naskus ribelon nur kontraŭ la registaro maljusta.

Ĉar mi ne pretendas pruvi nediskuteble, ke tiu aŭ alia opinio estas preferinda, sed celas ĉefe veki scivolemon, kiu kondukos la leganton al la vero, oni ne riproĉos min, malgraŭe, ke mi asertas laŭ nura atesto ne tre fidinda de analogeca rezonado, ke el ĉiuj justecaj ribelismoj la plej atentinda estas la reciproka ambaŭflanka.

Ĝi ŝajnas tiom interesinda, kiom la pacocela reciproka ambaŭflanka, sed ĝi estas malpli praktikebla: ĝi tiom, kiom tiu ĉi, postulas ĝustan taksadon de l' graveco de l' interesoj koncernataj, kaj preter tio ĝia apliko entenas la malfacilaĵon scii, kiu el ambaŭ malkonsentantoj estas la justulo. Sed, tiu lasta malbonaĵo, kiu estus nepre forjetiga en ribelismo unuflanka, havas gravecon ne tre grandan en la nun traktata opinio, ĉar ĝi efikas nur por solvi tiun demandon: en kiu regno la ribelado devas unue okazi.

Ni flankenĵetos ĝin nur pro simila kaŭzo, kial ni forpuŝis la pacocelan ribelismon reciprokan ambaŭflankan.

Tial ke eble kelkaj multe emus aprobi la ribelismon justecan reciprokan unuflankan, pro ĝia potenca efiko, malhelpi maljustajn agojn interregnajn, mi atentigos, ke ĝi punus tro severe kaj erartrafe, ĉar, celante puni la registaron, ĝi preskaŭ certe kaŭzus disfalon de la patrujo.

Fine de sia fama libro „L'armée nouvelle" (La nova armeo) S-ro Jaurès, la mondkonata franca socialista paroladisto, presigis leĝproponon por nova organizado de l' francaj militaj fortoj, en kiu kuŝas jena artikolo:

Art. 18. — Ĉiu registaro, kiu partoprenos en iu milito, ne proponinte, publike kaj senartifike, solvon per arbitracio, estos konsiderata kiel perfida je Francujo kaj je la homoj, publika malamiko de l' patrujo kaj de l' homaro. Ĉiu parlamento, kiu estos permesinta tian agon, estos kulpa je malfideleco kaj kvazaŭdisigita jure. La devo konstitucia kaj nacia de l' civitanoj estos disrompi tiun registaron kaj anstataŭigi ĝin per bonvola registaro, kiu, kvankam certigante la savon de l' nedependeco nacia, proponos al l' eksterregno antaŭŝirmi aŭ haltigi la militadon per arbitracia juĝo.

Li do proponas enkonduki en la Francan leĝaron tion, ke ĉiu civitano devas agi laŭ ribelismo arbitracia, aserton ne dolĉigitan per kondiĉoj tiaj, kiaj maksimumo reciproka kaj ambaŭflankeco.

La nuna Juro Internacia, tro sklava de l' principo de Superega Libereco de l' Regnoj, ne sufiĉe cela al ilia Solidardevo, tro malforte protektas (mi ne aludas la foreston de devigrimedoj) la vivebligajn interesojn por pravigi tian ribelismon arbitracian. Por esti akceptebla, ĝi devus ĉirkaŭbari sian agadkampon per iu maksimumo. Krom tio ĝi enhavas alian malperfektaĵon vere forjetindan; ĝi estas unuflanka, ĝi ne postulas, por naski ribelon, verŝajnecon de translima ribelo kontraŭ ordonoj de l' tiea registaro enpaŝi la francan landon.

Iuj apostoloj de ribeloj pacocelaj, konstatante, ke malfacile sufokebla patriota sento preskaŭ malebligas sukceson de propagando, kiu celas naski dummilite ribelon unuflankan aŭ dubeble duflankan, predikas ribelismon postmilitan. Ĉu vere post sukcesinta milito la pacamaj virtoj estos kapablaj sufiĉe potence subpremi la malhumilecon nacian por kaŭzi ribelon venkopovan kontraŭ registaro, kiu alportis al la patrujo plian gloron!

Antaŭ ol fini tiun esploron nesufiĉan de la ribelismoj, kiu ne havigis al ni konvinkon, ke iu el ili estas kontentiga solvrimedo de l' pacoproblemo, mi ankoraŭ diros nur tion:

Fakte, plej multaj, kiuj propagandas ribelismojn, malkaŝe celas, ne nur forigi militadon, sed ĉefe profiti la plian facilecon, kiun havigus al ili milito, por forigi la nunan registaron kaj starigi novan ekonomian staton. Tial, granda parto de tiuj, kiuj nur por paca celo emus ribeli tiam, anstataŭ batali kontraŭ la registaro, helpus ĝin, por defendi la nunan socian rilataron.

Tiu fakto, pli ol ĉio ajn, enigas en min la konvinkon, ke ne en la ribelismoj oni trovos la solvon plej baldaŭ efikan kontraŭ milito kaj suferiga armiteco.

*(Daŭrigota.)* *F. Brossier* (Paris).



# Al niaj Abonantoj

**Ni petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj de nia administracio pri finiĝo de sia abono, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**En la landoj, kie tio estas ebla, ni enkasigas la reabonojn per poŝtrepagoj. En Rusujo, S-ro SZABUNIEVICZ, Del., Moskvo, estas rajtigita de ni por sendi tiujn poŝtrepagojn.**



 SOCIA VIVO 

## La bulgara lingvo [1]

La bulgara lingvo estas la lingvo parolata de sesmiliona slava popolo loĝanta inter la enfluejoj de Danubo ĝis la Blanka (Egea) maro, kaj de la Nigra maro ĝis Niŝ kaj ĝis la apudlimajoj de Albanio. Post la enloĝiĝo de la Slavoj en la Balkana duoninsulo kaj precipe post la starigo de l'Bulgara Ŝtato, tiu ĉi idiomo fariĝis la aparta lingvo de popolo. Sed ĝi estas organo de la skriba penso nur depost ĉirkaŭ mil jaroj. La unuaj dokumentoj skribitaj en tiu ĉi lingvo estas tradukoj de liturgiaj libroj et la greka religia literaturo.

Tute kontraŭe de ceteraj eŭropaj lingvoj, kiuj estas pruntepreníntaj la grekan alfabeton pere de la latina alfabeto, derivita el la greka, la Bulgaroj prenis sian alfabeton rekte de la grekoj, modifante ĝin multe por ĝin adapti al la sonoj de sia lingvo. Tion faris la du sanktaj fratoj Kirilo kaj Metodio el Saloniko, kies memoron la bulgara nacio festas solene la 11/24 majo. La Bulgaroj transdonis sian alfabeton, kun la kristaneco, al la Serboj, al la Rutenoj kaj al la Rusoj. Estas do, krom la bulgara literaturo tri aliaj literaturoj kie la bulgara alfabeto estas uzata. En pasinteco ankoraŭ freŝdata, ĝi estis uzata ankaŭ de la Rumanoj, ortodoksa popolo, kiu uzas nun la latinajn skribsignojn.

La malnov-bulgara diferencas de la moderna bulgara lingvo per tri ĉefaj signoj. La naza sono propra al la malnov-bulgara lingvo malaperis en la moderna, kiel ankaŭ la deklinacioj, krom kelkaj maloftaj okazoj; la moderna bulgara lingvo havas tri artikolojn por la tri seksoj, vira, virina kaj neŭtra, kiuj estas metataj ĉe la fino de l'vortoj; en la malnov-bulgara la artikolo ne ekzistis. La pura malnov-bulgara lingvo sin konservis ĝis nun en la ĉirkaŭaĵoj de Saloniko, la patrujo de l'sanktaj Kirilo kaj Metodio, precipe en la grandaj vilaĝoj Suĥo kaj Zarovo; la dialekto de Kastoria, ankaŭ en Makedonio, prezentas rimarkindajn postsignojn de l'malnov-bulgara.

La lingvo parolata hodiaŭ de la Bulgaroj estis formita jam antaŭ unu centjaro. Sed la verkistoj, edukitaj en la spirito de religiaj libroj, ne povis ĝin ĉie uzi, ili skribis en neekzistanta dialekto, miksaĵo de la religia kaj popola lingvo. La bulgara historio de l'patro Paisio, la fervora monaĥo de Athosa Monto, samtempulo de la franca revolucio, estas la plej bona ekzemplo de tiu lingvo. Sed eĉ en tiu verko oni sentas la strangan forton de l'nova lingvo, precipe sur la paĝoj, kie la aŭtoro, forgesante la librojn, parolas rekte de sia animo. Post li, tuta serio de bulgaraj verkistoj laboris por fari la literaturan lingvon kaj ĝin kapabligi por servi la subtilaĵojn de l'poezio, de l'scienco kaj de l'publika diskutado. La bulgara lingvo ricevis tiel, oni povas diri, sian eksteran aspekton. Sed pli ol ĉiu alia lingvo, ĝi trapasas intensan kaj rapidan internan evoluon ĝis tia grado, ke la unuaj verkoj de malnovaj verkistoj kiel Ivan Vazov ŝajnas al siaj aŭtoroj mem kiel skribitaj en antikva lingvo.

La harmonio kaj la mildeco de la rusa kaj de la serba lingvo estas ĉiekonataj. La bulgara verbo estas malmola kaj akra kiel la ŝtalo. La artikolo, ĉiam metata ĉe la fino de l'vorto, impresas kiel frapo. La sono ă tre ofta ĉu ĉe la fino, aŭ en la mezo, ĉu ĉe la fino kaj en la mezo de l'vorto, donas energion al tiu frapo.

Iun tagon mi vojaĝis kun fremdulo, kiu nesciis ion de la bulgara lingvo. Alvenintaj en la ĉirkaŭaĵoj de vilaĝo, ni sidiĝis en drinkejo kie du vilaĝanoj interparolis „milde" pri sensignifaj aferoj. Post kelkaj minutoj, la fremdulo surprizita faris tiun rimarkon: „Tiuj ĉi homoj trinkas kune, alfrapas la glasojn afable kaj tamen ili interdisputas. Kaj se mi ne vidus ilin per miaj propraj okuloj, mi kredus, ke ili sin batas". La malmildeco de l'artikolo, la energio de ă, kiu similas jen al leonbleko aŭ almenaŭ kiel blovo en la luktado aŭ la puŝo de malpezaj objektoj: poste la varieco de l'akcento, la diversiĝo de l'silaboj de unu sama vorto — *rid* (monteto), *ridăt* (la monteto), *na ridă* (sur la monteto), *ridové* aŭ *ridove* (montetoj), *ridovété* (la montetoj), *dva rida* (du montetoj) kaj fine la aparta firmeco de ĉiu vokalo produktas viran muzikon, la verbo estas kiel marŝado, kiel ordono.

La lingvistika trezoro de l'bulgara lingvo estas tre vasta kaj tre granda. La trezoroj de la ceteraj slavaj lingvoj tien sin aldonas. Nuntempa bulgara verkisto povas uzi la slavajn terminojn adaptante sian lingvon al la cirkonstancoj.

En la gramatiko pleje impresas la multeco kaj la varieco de l'verbaj formoj. Oni kalkulas ses kaj eĉ ok preteritojn! la verbo do povas esprimi la plej delikatajn nuancojn de l'ago, sen la helpo de ĉiuspecaj partikuloj aŭ rakontoj.

La sintakso estas libera. Poeto povas vaste priparoli sian individuecon kaj ĝin ĉie altrudi. Li povas fari longajn periodojn, kiel germana poeto, au esprimi siajn pensojn per mallongaj kaj precizaj terminoj. Pri la libereco, riĉeco kaj vivpovo de l'bulgara lingvo atestas precipe la sekvanta rimarkinda fakto: dum en la literaturoj de nacioj eĉ antaŭenirintaj, la poetoj, por la bezonoj de siaj versoj — por la rimo aŭ la ritmo — ŝanĝas la vortojn, mallongigas la finiĝojn, la bulgara poeto ne bezonas sin turni al tiu procedo; li eĉ tute ne estas devigita ŝanĝi ion ajn kaj ion detranĉi en siaj versoj. Plie — kaj tio ĉi estas pli grava — la bulgara poeto ne bezonas vortojn „uzatajn nur en poezio". Iu polica komisaro en la raportoj al sia ĉefo, povas uzi la vortaron de l'plej delikata lirika poeto, kaj inverse. Kaj tio ĉi neniam estos stranga. La unu kaj la alia, la poezio kaj la raporto, reflektas la vivon, la veran vivon.

La aktiveco de nia moderna literaturo reiras al tridekkvin, apenaŭ al kvardek jaroj; ankaŭ nia lingvo ĝenerale estas malmilda. Ni ne havas bone ĉizitajn frazojn, kie la penso esprimiĝas kvazaŭ de si mem, frazojn havantajn la efekton de vortoj, kiel la germana, la angla, la itala, precipe la franca. Tiu ĉi manko de nia lingvo havas nur bonan flankon: ĝi donas al la lingvo la naivecon de l'biblia graveco. La granda nombro de turkaj vortoj estis ankaŭ alia manko, sed tiuj ĉi terminoj baldaŭ malaperos. Ili estas tolerataj nur en la intima interparolado kaj tio tre malofte. La literatura lingvo ilin forpelas, escepte kiam ili estas intence uzataj.

Mallongavorte la bulgara lingvo estas ankoraŭ sur la amboso kaj sub la martelo. La scienculoj kreas la sciencan lingvon, la verkistoj klopodas por fandi la plej malsimplajn ideojn en bulgaraj formoj, kaj la poetoj vesti en ili la plej delikatajn figurojn de sia imago.

Trad. *Ivan H. Krestanof.*

[1] Laŭ artikolo en l'„Echo de Bulgarie" de S-ro Al. Balabanov, profesoro de filologio ĉe la universitato en Sofia (Bulgarujo).

---

## Japanujo kaj Japanoj

II.

Rekreante tamen impresojn orde, kiel ili en la animon kaj koron penetris, mi devas nun preterlasi la popolon kaj turni min al la naturo de l'lando, kiu min ravis kaj vere mirigis. En la pejzaĝo la profesia geografo serĉas ne sole estetikajn impresojn, sed ankaŭ kaj antaŭ ĉio la leĝojn, kiuj per linioj de la pejzaĝo malkaŝas historion de ĝia disvol-

viĝado. Observante diversajn pejzaĝojn, ni alkutimiĝis al tio, ke, ekzemple, kuraĝaj formoj kun reliefo plena de detalaĵoj ĉiam dependas de alteco super la marnivelo kaj des pli de alteco super fundo de l'valoj eniĝintaj en montmasivon. Esceptoj el ĉi tiu leĝo estas treege maloftaj, kaj, se ni volas ilin serĉi, ni devas iri en apudpolusajn landojn, kie puntsimilaj rokaj pintoj ornamas malaltajn montojn. En regionoj de la modera klimato ni renkontas similajn, sed neordinare maloftajn esceptojn, ekzemple, la landon de l'lagoj en Cumberland. Tamen akraj abruptaj randoj, ĉirkaŭantaj amfiteatrojn de l'lagoj, estas postrestaĵoj de la epoko, dum kiu Anglujo estis enterigita sub potenca glacia tavolo, estis lando apudpolusa. Trairante Japanujon de Curuga ĝis Kobe, kuŝanta apud japana mediteraneco, ni nenie renkontas altajn montojn, nenie ni vidas eĉ ombron de postesignoj de la glacia epoko, kvankam alpaj konturoj estas ĉiea eco de la ĉi tieaj mezgrandaj, malgrandaj eĉ etaj montoj.

Abruptaj deklivoj, mallarĝaj serpentkurbaj intermontoj, kronitaj per rokoj, fermas ĉie la malvastan horizonton de ĉi tiu miniatura alpa lando. La akvo de la riveroj kaj torentoj kuras kun bruo kaj muĝo, kiun akompanas ĉe ĉiu paŝo videbla sekvo de ĝia laboro: freŝaj rokaj nudlokoj sur fundo de fluejoj. La akvo tie muĝas ne vane! Kiom da montaj brue fluantaj riveroj en Karpatoj aŭ Alpoj rulas siajn akvojn sur potenca tavolo de ŝtonaj fragmentoj, malgraŭ sia abundeco kaj rapideco nenion fosante, ne povante forporti de sur sia fundo la materialon, kiun en la pli alta fluo flankaj tributaj torentoj derompis kaj en la ĉefa valo kuŝigis. La riveroj kaj torentoj de okcidenta Japanujo tutan sian forton uzas por kreanta laboro disvolviĝanta kaj senĉese refreŝiganta la reliefon de la japana pejzaĝo.

La okulo ravita de helkolora riĉega verdeco, majesta indeco de tuiaj boskoj ornamantaj plej abruptajn deklivojn de sovaĝaj torentoj, sorĉita de grandaj, malgrandaj eĉ etaj kampetoj de mirinde kulturita rizo, enŝovitaj en ĉiun anguleton platan dank'al la naturo aŭ al la homa laboro, enŝovitaj eĉ inter rokojn kaj falakvojn, la okulo malpli sperta, malpli alkutimiĝinta analizi pejzaĝajn formojn eble ne povus rimarki la diferencon inter akvaj minacaj linioj kaj facoj de la pejzaĝa reliefo kaj miraklaĵoj de la homa penega laboro, celanta subigi al si la severan naturon de la lando, kiun la popolo amas, kaj en kiu ĝi volas vivi.

El la monta lando, kies akvoj fluas for de la golfo de Curuga, malalta transmonto kondukas en vastan basenon de lago Biua[1], kiu — tiel granda kiel la Ĝeneva — estas en Japanujo la plej granda ujo de nemara akvo. La pejzaĝo estas ĉi tie tute alia. Okcidentan kadron de la lago kreas monta ĉeno sufiĉe alta (pli ol 1000 metrojn), sed reliefita malforte kaj unuforma, elŝovanta vicon de paralelaj ĝiboj, kiuj, kvazaŭ potencaj ŝtuparoj, malaltiĝas al la lago. Sed speciale atentigas la orienta kadro de la lago. Jen, kien ajn, eĉ plej malproksimen, ĉi direkte atingas la okulo, ĉie brilas ruĝaj montoj dense plugitaj de longaj akraj mirinde simetriaj bedegoj. La bildo, per si mem stranga, fariĝas des pli stranga, kiam ni ekmemoras, ke tiaj ruĝaj montaj bedoj estas ĝusta eco de landoj dezertaj. Ni ankoraŭ ne vekiĝis el inunda impreso de verdeco, kiun la okuloj ĝuis en montaro de Curuga, kaj tuj kune kun la ruĝaj montoj renkontas nin ankaŭ la dua signo de dezerto: senarbareco. La ruĝaj montoj estas tute nudaj kaj tie aŭ alie alkroĉiĝinta sur krutaĵo japana pino *macu* per siaj ĥimere kurbigitaj formoj, simboligantaj malĝojon kaj malfeliĉon, plifortigas la iluzion, ke ni troviĝas en dezerto. Kaj la iluzio estus kompleta, se la blua lago bananta en plena suna lumo ne rememorigus al ni lagon Ĝenevan aŭ Italan Rivieron, se ĝia suda parto dense surŝutita per rokaj insuletoj ne estus transportanta nian penson al la sudaj de somera suno lumigitaj Norvegaj fjordoj, se ne ekzistus neimagebla verdeco de rizaj tapiŝoj, ĉirkaŭantaj per larĝa rubando la lagon kaj enigantaj sin golfe aŭ kolforme en la montamason, se ne estus fine aroj da graciaj etaj dometoj ĉirkaŭitaj de potencaj arboj plenaj je floroj kaj fruktoj. Malaperas ĉiuj duboj — ne en dezerto ni estas, sed en la homa paradizo, kaj la ruĝaj montoj estas en ĉi tiu pejzaĝo kvazaŭ ŝerco de la naturo, verŝajne la postvivaĵo de jam pasintaj epokoj kaj klimatoj, same kiel Cumberland'aj montoj en Anglujo estas restaĵo de la antaŭ longe pasinta invado de glaciaroj.

La vagonaro kuregas pluen, trapasas la luman kolorplenan valon de l'lago kaj denove trapuŝas sin tra mallarĝaj rokaj intermontoj ne grandaj per sia alteco, sed rememorigantaj per siaj formoj plej sovaĝajn alpajn trairejojn. El sovaĝaj abismoj, kie sub minace altiĝantaj rokoj muĝas akvoj, ni en unu momento eliras en novan valbasenon serenan, mildan kaj riĉan, en kiu regas praa ĉefurbo de japana kulturo kaj regno — Kjoto. Ĉi tie la pejzaĝo similas la apudmontan Karpatan. Larĝaj, bonege kulturitaj valoj prezentas vastan regule geometrie disetenditan kvadrataron de rizaj kampoj, kiun dividas densa reto de kanaloj, akvumantaj sur bordoj de riveroj kaj riveretoj girlandojn de bambuoj, kaj sur terasoj dense dissŝutitajn domojn, ĉirkaŭitajn per ĝardenoj plenaj de floroj kaj diversspecaj legomoj. Granda disigo de la akvoduktoj kaj riĉa diverseco de kulturataj kreskaĵoj donas al la japanaj kampoj apartan ĉarmon. Kvankam la rizo estas fundamento de la tuta japana agrikulturo, tamen la aspekto de nemezurebla spaco, kovrita per rizaj kampoj, estas malproksima de la unutoneco de niaj grenaj kampegoj, unue tial, ke Japanujo tute ne konas kampegojn, sed eĉ la plej perfekta ebenaĵo transformiĝas per homa laboro en terasetojn, due tial, ke la rizo estas ideo kolektiva por laŭvorte milaj rasoj, adaptitaj al diversaj kondiĉoj de klimato, grundo, akvo, eĉ al familiaj aŭ gentaj tradicioj. La riza kamparo estas ludaĵo de la plej riĉaj nuancoj de l'verdeco, kiun povas imagi nur la plej riĉa fantazio.

*(Daŭrigota.)* *Prof. Eugeno Romer* (Lwów).
Trad.[1] *J. Chankowski* (Subdel. Novo-Minsk).

[1] Oni kutime nomas ĝin Biua-ko = Biua-lago.

---

## Pri tutmonda ĉefurbo

En la pratempoj vivis la homo sole, sen reguloj kaj leĝoj, sen lingvo kaj preskaŭ sen loĝejo krom la natura. Sed, iom post iom, ŝanĝiĝis la vivkondiĉoj de tiu sendependulo: li edziĝas, fondas familion, kreas hejmon, unuvorte li estriĝas, kaj la leĝoj, kiujn vole nevole, li starigas, estas obeataj de siaj kunuloj: disvolviĝas la unua vico de la homara evoluado, la epoko de la *familio*. Simplaj inter ĉiuj estas la tiamaj loĝejoj, senstilaj domaĉoj, subteraj kavernoj kaj senformaj konstruaĵoj, kiuj tamen sufiĉas por protekti la homojn kontraŭ la naturaj surprizoj kaj la bestaj atakoj.

Pasas jaroj kaj centjaroj: konkurenco naskiĝas inter la unuaj familioj, kreiĝas grupoj, kiuj, pro celoj kontraŭaj kaj por defendo de siaj respektivaj rajtoj, inter si bataladas senĉese. Unuaj klanoj, unuaj partioj estas fondataj; ili ĉiutage iros kreskante, ĉiam kaj ĉiam fortiĝante en la intereso de la komuneco. Leĝoj ilin regas, ĉefoj estas elektataj, kaj por ebligi kaj faciligi la publikan vivon de tiu ĵus naskita societo multobliĝas la kajutoj kaj dometoj, ekaperas la unuaj vilaĝoj kaj urboj. Dua ŝtupo de la homara evoluado, tiu de la *gentoj* kaj baldaŭ de la *provincoj*.

[1] El „Ziemia" (Tero).

Ankoraŭ pligraviĝas la homaj rilatoj; de tago al tago fariĝas pli multnombraj la komunaj interesoj, speciala spirito montriĝas, kiu antaŭ nelonge naskas la provincojn kaj regnetojn. Ideo pri *nacieco* ĉiutage ŝajnas pli certa, kaj unuj post la aliaj la popoloj sin liberigas kaj atestas sian unuecon: Francujo, Germanujo, Britujo, Italujo, ktp... per la armiloj starigas la limojn de siaj respektivaj teritorioj, fondas samtempe kun centra administrado ĉefurbojn kaj centrigitajn servojn. Jen estas la je nia nuntempa vidpunkto plej perfekta modo de la urbo.

Sed dume, sammaniere kiel, kun la neĉesanta respekto al la familio, estis kreitaj la provincoj, same respektante la naciojn, supernacia sento ekaperas. Nacia teritorio ŝajnas malgrava al la agemaj viroj de nia jarcento, komercistoj, industriistoj, turistoj, aviadistoj, sciencistoj aŭ artistoj, kaj la nacilimoj ilin ĝenas por la diskonigado de novelpensitaĵoj kaj plej ĝenerala aplikado de la ĵusaj eltrovaĵoj. Super aŭ inter la nacioj, vole nevole kreiĝas ĝis nun nekonataj rilatoj, aperas komunaj interesoj, ekonomiaj bezonoj, kiujn pli kaj pli multobliĝos uzo de helpa lingvo: de nun, kleraj homoj, progresemuloj ekkomprenas la neceson de nova, malpli limigata organizado. Victor Hugo, la fama franca verkisto, parolis pri „Unuiĝintaj Ŝtatoj de Eŭropo"; pli maltimegaj, liaj filoj kuraĝas paroli pri la „Unuiĝintaj Ŝtatoj de l'Mondo". Ne politike unuigitaj, eble, sed tamen reale, pro ĉiutaga interkomunikado, pro ekonomia interkonsento kaj pro ĉiumaniere komunaj celoj. Ne detruiĝas la naciaj aspiroj sekve de tiu supernacia agado; ne malaperas la naciaj lingvoj sekve de alpreno de Esperanto kiel helpa organo, kaj same ne falas la naciaj ĉefurboj sed eble naskiĝas tamen nova elemento, *supernacia ĉefurbo*, ĉefurbo de la mondo kaj de la tutmondaj organizaĵoj.

Jen la ideo, kiu gvidis la iniciatantojn de la nova „Cosmopolis" kaj la principoj laŭ kiuj S-ro Andersen, usona skulptisto kaj S-ro Hébrard, franca arkitekto, kiuj dediĉis parton de sia vivo kaj de siaj klopodoj al ĝia efektivigado, starigis la jenan projekton.

„Unue celas nia „Tutmonda ĉefurbo", diras la aŭtoroj, grupigi, alcentrigi la esencajn interesojn de ĉiuj popoloj. Kompreneble estas, ke ĝi faciligos kaj rapidigos la realigadon de iliaj plej altaj aspiroj: Starigo de Internacia Kortumo por Justeco, meze de tia centro grave akcelos la jam faritajn klopodojn por krei sur nia globo ekonomiajn rilatojn plej intimajn kaj sekve por redukti la senĉese kreskantan iradon al la premeganta ĝenerala armado." Kaj, kelkvorte, jen la plano de S-roj Andersen kaj Hébrard.

La urbo etendiĝos proksimume 10,000 kvadratajn metrojn. Meze staros la konstruaĵoj speciale adaptataj al la gravaj internaciaj servoj. Tri centrojn ili enhavos, respektive dediĉatajn al korpa kulturo, al scienco kaj al arto.

La centro por la *korpa kulturo* celas unuigi kaj konservi, el la tutmondaj partoj, plej atentindajn rezultatojn de la moderna atletismo. Ĉefa monumento estas la Stadio kun ĝiaj aneksoj: Naĝejo, Gimnazioj, nekovrataj kampoj kaj cirkoj por la enaeraj sportoj. Ĝin kompletigos biblioteko kun ĉiuj necesaj volumoj, galerioj kun statuoj, grupoj, desegnaĵoj de la antikvaj kaj modernaj modeloj, kaj fine tutmonda arkivejo por la konservado de la plej utilaj dokumentoj rilataj al la vira tipo.

Konsiderante la intimajn rilatojn, kiuj kunigas arton al atletismo kaj la reciprokan helpon, kiun ili donas unu al la alia per sia komuna supreniro al beleco, la aŭtoroj de la centro ilin lokis proksime, kreante inter tiuj du partoj agrablan sekvon de parkoj kaj ĝardenoj dediĉataj al florkulturado, botaniko, zoologio. Gravega Templo de l'*Arto* estas por tiu dua centro la ĉefa monumento: ĝi enhavas grandegajn salonojn, longajn galeriojn por la ekspozicio de la pentristaj aŭ skulptistaj verkoj, vastan „aŭditorium" speciale konstruitan laŭ la akustikaj leĝoj por la aŭdado de la muzikaj harmonioj.

Ĉirkaŭ la Arta Templo stariĝos la apartaj templetoj, ĉiu por iu speciala arto, kun la belartaj lernejoj kaj muzika konservatorio kaj teatroj.

La Aleo de la Nacioj, ĉirkaŭita de la ambasadoraj palacoj, kunigas tiujn antaŭajn kvartalojn al la *Scienca Centro*, kiun surregas la Turo de la Progreso. Alta je 320 metroj, tiu turego estas samtempe simbolo, simbolo de la unueco de la tuthomaraj rasoj, de la opa kunigado de ĉiuj bonvoloj de nia tera globo, kaj ankaŭ vera ĉefaĵo de la Tutmonda Centro. Ĝi surkovras subtere, grandegan presejon, kie eldoniĝos la ĉiuspecaj kaj ĉiulingvaj produktaĵoj de la Internaciaj Institutoj; teretaĝe kaj supre, la oficejojn, laborejojn, kongresejojn de la tutmondaj societoj kaj homaraj asocioj; en la supraĵo, fine, kompletan instalon de radiotelegrafio por kunigi la centron kaj la diversnaciajn ĉefurbojn de la mondo. Proksime de la turo kaj ĉirkaŭante la placon kie ĝi staras, estas konstruataj la multaj palacoj de la sciencaj kongresoj por medicino, por higieno, por leĝoscienco, por elektroscienco, por eltrovaĵoj, kaj aliaj. Kompletigas la tuton palaco de la Internacia Kortumo de Justeco, Templo de la Religioj kaj la multnombraj financaj aŭ instruadaj konstruaĵoj.

Nuntempe, post 9 jaroj de senĉesa laborado, la aŭtoroj prezentas al ni projekton realigeblan, en ĉiuj siaj detaloj studatan, kies konstruado dependas nur de la bonvolo de ĉiuj interesatoj: registaroj kaj internaciaj asocioj. Diversajn solvojn por la lokiĝo de la Centro proponas al ni S-roj Andersen kaj Hébrard, laŭ la diversaj deziroj al ili esprimitaj, kaj tiamaniere estis studata la ĝenerala plano de la urbego, ke ĝi povas adaptiĝi, sen gravaj ŝanĝoj, en diversaj landoj. En Belgujo, apud *Bruselo*, sur la Tervueren'aj kampoj, ĝi estos en neŭtrala loko, ĉe la centro de multaj fervojaj linioj; same, en Nederlando, apud *La Haye*, sur la Norda Maro, proksime de la nun konstruita Paca Palaco; same ankaŭ en Svisujo apud *Bern*, sidejo de multnombraj internaciaj oficejoj, inter la Morat'a kaj la Neuchâtel'a lagoj; multaj proponis *Paris*'on, inter kiuj barono d'Estournelles de Constant, franca senatano, kiu opinias, ke Paris restis la arta kaj intelekta ĉefurbo de l'mondo; sur la *Riviera*, apud Frejus kaj Cannes, pro la beleco de la pejzaĵo kaj la pureco de la vetero; ĉe *San-Stefano*, proksime de Konstantinoplo, pro la plej facilaj rilatoj kun Japanujo, Ĥinujo kaj orientaj landoj; ĉe la enfluo de Tibro, apud *Roma*, historia centro de nia mondo; fine, en *Unuigitaj Ŝtatoj*, sur la Atlantika Oceano, apud New-Jersey kie la fervojaj komunikoj kun ĉiuj amerikaj ŝtatoj kaj Kanado estas tiel multnombraj. Kompreneble ĝis nun neniu decidis pri la definitiva loko, kie, iutage, stariĝos la urbo, sed oni devas esperi ke, kiam realigado de la projekto alproksimiĝos, la nacioj konsentos pri tiu elekto.

Por sia kolosa laboro, la aŭtoroj ricevis multajn tre atentindajn kuraĝigojn dank'al kiuj oni povas konkludi, ke la demando havas ŝancojn de solvo. Inter la personoj, kiuj aliĝis al la societo „Tutmonda konsciiĝo" kreita de ili por la efektivigado de tia ideo, ni nur citos: S-ron W. Fœrster, dir. de la Reĝa Observatorio de Berlin; S-rojn La Fontaine kaj Otlet, direktorojn de la Internacia Instituto de Bibliografio kaj de Unuiĝo de Tutmondaj Asocioj, bone konatajn de la Esperantistoj por sia simpatio al ilia movado; S-ron Senatanon d'Estournelles de Constant, pr. de la *Internacia Interkonsento*; S-ron L. Bourgeois, eksĉefministron de Francujo, faman pacifiston; Prof. v. Braun; S-rojn G. Spiller; S-rojn C. Flammarion, F. Mistral, A. Rodin, Ph. Ruyssen (Dep. Brunialti), S-ron Jinzo Naruse (Japanujo), S-ino F. Pettersen, ktp... Kiel asocioj aliĝis la *Universala Kongreso*

*de la Rasoj*, la *Interparlamenta Unio*, la *Bontemplanoj*, la *Centra Oficejo Esperantista*, la *Scienca Asocio*, la *Ponto*, la *Nobel'a komitato*, la *Internacia oficejo de Bibliografio*, la *Internacia Federacio de la perioda gazetaro*, kaj cent aliaj.

La ideo pri kreado de Tutmonda Centro havas do multajn kaj gravajn partianojn: nedubeble estas, ke la homaro jus alvenis je nova formo de sia evoluado kaj ke ankoraŭ neantaŭvideblaj reformoj prepariĝas por la centrigado de internaciaj servoj kaj formado de novaj elementoj, sociaj aŭ ekonomiaj. Por la Esperantistoj tiu demando estas inter la plej gravaj, ĉar de ĝia solvo dependas eble la estonto de la internaciaj problemoj kaj realigado de la plej urĝaj proponoj rilataj al supernaciajoj. Centro tutmonda prezentos al Esperantistoj revitan sidejon por la diversaj asocioj kaj atentindan lokon por ĉiuspecaj kongresoj. Pro la ĉiutaga vivo de tia ĉefurbo ne nur estos utila lingvo helpa, sed nepre necesa; grandan paŝon faros do ilia ideo, kiam estos alprenita kaj realigata la homama projekto de S-roj Andersen kaj Hébrard. Devo nia estas sekve koni tiun iniciaton kaj tutforte ĝin kuraĝigi kaj progresigi. Ĉio internacia estas nia!

*M. Gênermont*[1]
Arkitekto E. D. B. A.

---

## Tra la Brenta montaro

Mi kredas, ke la legantoj en tiu ĉi tempo, kiam multaj alpistoj jam pensas pri la belaj ekskursoj, kiujn ili entreprenos la venontan someron, volonte akceptos kelkajn sciigojn pri la „Gruppo di Brenta"; unu el la miregindaj Dolomitaj grupoj en la tuta mondo, esplorita unue de la Angloj kaj Germanoj, kiuj ĝin ankaŭ eksterlanden diskonigis.

La Brenta grupo troviĝas je 46° 15′ lat. nord kaj 10° 50′ long. est (de Greenwich), en la plej okcidenta parto de Aŭstrio kaj apartenas al la lando Trentino, kie vivas proksimume 400,000 ekskluzive italnaciaj loĝantoj, politike aligitaj al la diverslingva provinco Tirolo. La grupon ĉirkaŭas la sekvantaj valoj: Valle di None di Sole, Valle di Rendena, Valle delle Giudicarie, Conca di Molveno; ĝia ĉefa montĉeno komencas en la Val di Sole kaj direktas sin suden ĝis al la Valle delle Giudicarie, etendiĝante ĉirkaŭe 35 kilometrojn. La plej alta pinto, kies altecon unuan fojon E. T. Compton determinis, nomiĝas „Ĉima Tosa" kaj estas en la centra kaj plej interesa parto de la grupo.

La ĉefa ŝtona speco en la montaro estas dolomito: ĉiuj pintoj havas perpendiklajn flankojn, multaj el ili similas eĉ verajn turojn, tre malfacilajn por suprenrampado. Kaj vere la strangaj formoj de la montaro, la malfacilaj kaj emociigaj rampadoj kaj la sovaĝa karaktero de la regiono, kie ne malofte aperas ankaŭ la urso, ĉiam kaj ĉiam pli altiras dum la someraj monatoj en nian landon tre grandan nombron da turistoj.

La tutan grupon oni povas dividi je tri sekcioj, el kiuj la centra estas nepre la plej interesa kaj alloganta. Ĝi posedas ankaŭ la plej grandan kvanton de rifuĝdomoj, kiuj taŭgas kiel forircentro por multaj promenadoj kaj suprenrampadoj. En tiu ĉi sekcio troviĝas la plej bela pinto, Ĉima Tosa (3176 metroj), el kiu oni ĝuas unu el la plej belaj panoramoj; sed ankaŭ la plej terura, la „Campanile basso" (malalta turo), sur kiu jam perdis la vivon kelke da alpistoj, falinte de la suprajoj.

La ĉefaj forircentroj por la meza parto de la grupo estas Molveno kaj Campiglio. Nune mi intencas akompani la leganton dum tre bela kaj rava promenado tra la grupo de unu al la alia el la suprenomitaj lokoj.

Molveno estas vilaĝo konsistanta el malmultaj domoj, konstruataj ĉiuj laŭ itala metodo, kaj kuŝantaj sur la bordo de ĉarma alpa lago, kien kunvenas ĉiusomere multaj turistoj farontaj ekskursojn en la centra parto de la montgrupo. Eble ankoraŭ la nunan aŭ certe la venontan jaron tiu vilaĝo estos kunigita per aera metalfadena fervojo kun Trento, la ĉefa urbo de nia lando, havanta ĉirkaŭe 30,000 loĝ., ne kalkulante la gravan multnacian garnizonon.

De Molveno direktante sin norden oni eniras la mallarĝan kaj montajan „Val delle Seghe"[2], al kiu formas ĉie ĉirkaŭe tre belan kronon nealireblaj kaj teruraj montflankoj, kiuj senpere de la profundo de la valo ĉielen leviĝas. Piedvojaĝante proksimume mezan horon oni supreniras al la interna parto de la valo kovrita per sablo, kiu tie ĉi kaj tie cedas la lokon al maldensa arbaro, preter kies foliaro oni vidas la unuajn pintojn de la famkonata grupo. La vojeto forlasante subite la valon leviĝas serpentire tra kruta deklivo ĝis atingo de la limoj de la vegetajaro, poste trairas altmontaran paŝtejon kaj eniras tre vastan kuvon, sur kies plej alta rando kuŝas la gastema „Rifugio Ĉima Tosa" de la SAT (Trenta alpa societo). En la ĉirkaŭjo ĵetas sin en la aeron la ĉefaj strangformaj pintoj de la grupo, escepte la Ĉima Tosa kaj „Crozzon di Brenta".

Kiu ne deziras fari nur dum unu tago la tutan promenadon de Molveno ĝis Campiglio (piedvojaĝo de dek horoj), povas senĝene pasigi la nokton en la rifuĝdomo, kaj tiuokaze li povos ĝui belegan, neforgeseblan spektaklon ĉe la leviĝo de la luno: tiuj perpendikle falantaj montflankoj, tiuj turoj lumigataj de la arĝenta astro kaj interrompitaj de la mallumaj ombroj estas vere romantika ŝajno kaj lasas en la animo impreson, kiun oni ne povas imagi, se ĝin antaŭe oni ne estas vidinta.

De la rifuĝdomo suprenirante proksimume dudek minutojn tra kruta neĝejo oni alvenas al la transirejo nomata pro la mallarĝeco: Bocca di Brenta (Bocca = buŝo, alpa transirejo). Sur la kontraŭa flanko troviĝas malgranda glaciejo: tre malproksime aperas la grandaj glaciejoj de la „Ĉevedale" (germane: Zufallferner) en la Ortlergrupo; pli proksime etendiĝas malsupre la paŝtejoj kaj herbejoj de la „Alta Rendena", interrompitaj nur de la blanka linio de la ŝoseo... Campanile basso, Fúlmini, Torre di Brenta, Campanile alto, Crozzon kaj multe da aliaj kolosaj, la valon ĉirkaŭigantaj ŝtonegoj malrapide pasas antaŭ la okuloj dum la malsupreniro. La neĝo subite malaperas lasante lokon al grandega aro de ŝtonoj diversformaj, kiuj falis de la alta ĉirkaŭstaranta montaro dum longa multcentjara periodo. Malagrabla vojeto serpentumas inter la ŝtonoj, jen leviĝante jen malaltiĝante laŭ la konformiĝo de la tero. La malsupreniro tra tiu ŝtonaro estas iom laciga, sed fine oni alvenas al la punkto, kie komencas reaperi la vegetajaro: la tero estas tute kovrita per mallonga herbeto karakteriza en la altmontaraj paŝtejoj, kaj ĉie sur la deklivo koketas la ruĝaj rododendroj (Rhododendron hirsutum); oni vidas ankaŭ, sed malofte, la belajn „edelweiss" (Leontopodium alpinum).

En tiu ĉi loko anstataŭ preni la vojon kondukantan al la malsupro de la valo, estas pli utile eniri la straton, kiu portas dekstren al la „Malga Maudrón", pro tiu kaŭzo, ke la dua vojo tenas sin ĉiam je konstanta alteco. De tiu loko la vojeto kondukas dum mallonga tempo al la „Malga Vallesinella di sopra" kaj tie senĝena strateto eniras la arbaron kaj procedas, flankumita per belaj urboj, kvazaŭ sub foliara tunelo, kiu ĝin ŝirmas de la sunaj radioj kaj interrompas sin nur kelkfoje por aperigi la malproksimajn glaciejojn „Lobbia" kaj „Carè alto" en la neĝkovrita grupo

[1] Pluajn detalojn povas peti la Esperantianoj de la aŭtoro aŭ de S-ro H. C. Andersen, 3, Piazza del Popolo, Roma (Italujo).

[2] Val delle Seghe = Valo de la segejoj, tiel nomata ĉar en ĝi troviĝas multaj, sed en tute primitiva formo, akvosegejoj.

de Adamello, dum de la malsupro de la valo malforta alvenas al niaj oreloj la bruetado de la torenta akvo rompanta sin inter la fluejaj ŝtonoj. Post mallonga malsupreniro subite finiĝas la arbaro kaj antaŭ niaj okuloj prezentas sin malgranda amaso da belaj hoteloj: ĝi estas Campiglio, loko por somerloĝado, kien ĉiujare kunvenas personoj el ĉiuj mondopartoj, kaj kiu kune kun Molveno estas la ĉefa forircentro por promenadoj ne nur en la Brentan grupon, sed ankaŭ en la proksimajn Adamello kaj Presanella.

De Campiglio aŭtomobilpoŝto tra la tuta valo de Sarca veturigas Riva'n, malgranda sed ĉarma aŭstria urbo ĉe la limoj kun Italujo, kuŝanta sur bordo de la „Lago di Garda".

Kaj nune la legantoj ne miros, se mi diros al ili, ke nur dum unu tago oni povas iri sur la neĝo de la Brentaj glaciejoj kaj ankoraŭ dum la vespero promenadi en Riva en la „Aleo de la Palmoj" kaj en la ĝardenoj kun plene tropika kreskaĵaro!

*Francesco Glaser* (Trento).

## Kion Germanujo faras por la junularo?

La intensa evoluo de Germanujo en la lastaj kvar jardekoj komprenigas, ke oni zorgas speciale por la junularo, nome pro du kaŭzoj: Unue, Germanujo eluzas ĉiujare centmilojn da novaj homoj en sia tre potenciĝanta industrio, kaj due estas la milita-politika situacio, pro kiu speciale la junulara demando postulas multe da atento. La kolosa industria evoluo en la Germana imperio tial ne havis grandajn malfacilaĵojn, ĉar la lando havas plion de 800,000 novenaskitoj po jaro, kaj ĉar ĝi kreskis en la lastaj 40 jaroj per pli ol 30 milionoj da loĝantoj, sed tiu industriiĝo alkondukis aliflanke novan prijunulan problemon per tio, ke centmiloj da virinoj el la laborista klaso kaj el la kamparo venis en la fabrikejojn, kio treege malutilas la familian vivon kaj la edukadon de l' junularo. Eĉ en la mezaj klasoj la profesia okupado de la virinoj efikas en tiun direkton, kaj devigas la ŝtaton kiel la privatan socialan prizorgadon al efikaj aranĝoj por kompensi tiun malbonon kaj bone eduki la junularon.

Al ĉi tiu privata faktoro de l' komuna vivo aldoniĝas la ŝtata faktoro de l' milita fako. Ĵus antaŭ 100 jaroj Germanujo estis devigata kontraŭ Napoleon ĝin subiginta voki al la armiloj ĉiun taŭgan viron de 17—40 jaroj. Estas ne hazardo, ke ĝuste en tiu kriza tempo kreiĝis unu el la plej gravaj germanaj edukiloj por la junularo, nome la germana gimnastikado, per la „gimnastikpatro" Jahn, kiu en jaro 1811 konstruis la unuan gimnastikejon en la Hasenhaide apud Berlin, celante perfektigi kaj hardi la korpojn de la junularo, por ke ili estu taŭgaj en ĉiuj lacegigoj estontaj. El tiu unua provo de korpa fortikigo de l' junularo formiĝis organizacio por libervola eduklaboro, kian atingis ĝis nun neniu alia lando: la germana gimnastikistaro, kiu en ĉirkaŭe 10,000 unuiĝoj kalkulas 1 milionon da anoj. Krome ekzistas kelkaj miloj da gimnastikunuiĝoj laboristaj kaj aliaj, havantaj kelkajn centmilojn da membroj. Pro la bonaj rezultatoj de la germana gimnastiko pri la korpa fortigo la ŝtato faris la gimnastikon jam de 70 jaroj instrufako en ĉiuj lernejoj kaj en la armeo. En ĉiuj lernejoj oni destinis por la knaboj kaj same por la knabinoj 3 horojn de gimnastiko po semajno, kaj lastatempe en multaj urboj krom tio dum du posttagmezoj okazas gimnastikludoj. La ŝtato, komunumoj kaj lernejoj klopodas por interesi la lernantojn de la superaj lernejoj pri ĉiuspecaj sportoj kaj gimnastiko. Ekzemple en kelkaj centoj da gimnazioj oni fondis fakojn por remistoj, kiuj sub gvidado de siaj instruistoj dum la somera libertempo faras kelksemajnajn remveturojn sur la riveroj kaj lagoj de Germanujo kaj laŭlonge de la marbordoj.

Krom tiuj sportaj ekzercadoj, kiuj ja estas plimalpli privilegio de la riĉaj klasoj, por la ĝenerala junularo oni estigis de 15 jaroj apartan specon de korpa agado, kiu eksterordinare bone evoluis, nome la vasta kampo de turismo kaj migrado. En Steglitz apud Berlin fondiĝis antaŭ 15 jaroj grupeto da eksgimnazianoj, kiuj dum sia libera tempo volis vivadi en libera naturo, farante ĉiun dimanĉon vastajn marŝojn en iun regionon. Plej interesa estas tiu movado, ĉar tiuj ĉi „vagbirdoj" (Wandervögel), kiel ili sin nomas, vivas plej simple kaj malmultekoste, sin detenas de alkoholo, kunportas en tornistro kuirilaron kaj provizaĵon, kaj survoje, en kampo aŭ arbaro, pretigas ĉe l' fajro sian modestan tagmanĝon. En ĉiu „hordo" estas kelkaj muzikemuloj, kiuj akompanas per gitaro aŭ mandolino komunajn kantojn, kiuj bone efikas je la humoro de tiu junularo. Tiuj vagbirdoj, nun organizitaj tra tuta Germanujo, faras dum la libertempo grandajn ekskursojn 8—14 tagajn, per kio ili konatiĝas kun la patrolando, plivastigas siajn sciojn, alkutimiĝas al spartana vivado, kaj antaŭ ĉio plifortigas sian sanon.

Kiel aparta branĉo de la vagbirda movado fondiĝis de la lastaj 3 jaroj la germanaj skoltoj („Pfadfinder") laŭ modelo de l' anglaj „Boy-scouts", kiuj same estas ekzercigataj kiel iliaj anglaj antaŭuloj. La diferenco inter la skoltoj kaj vagbirdoj konsistas nur en tio, ke la laste nomitaj estas pure privata, tute libervola organizacio, celanta nur migradon, gajan kunestadon kaj malluksan, laŭnaturan vivmanieron sub la gvidado de plenaĝuloj. Kontraŭe la skoltoj havas militistan karakteron, ĉar ili estas kvazaŭ sub la kontrolo de la generalestro von der Goltz, kiu regule ĉeestas la militajn ekzercojn de la geskoltoj. El tiuj diversaj junularunuiĝoj nun fondiĝis granda asocio „Jung Deutschland" por aparta edukado de l' juna idaro.

Sed tiuj celadoj, kiujn mi priskribis, nature utilas pli al la junularo de la mezaj klasoj ol al la laborista idaro. Kie la gepatroj iras en la fabrikojn, tie kompreneble la edukado de l' infanoj estas malfacila tasko. Ĉi tie jam antaŭ tri generacioj, antaŭ ol la ŝtato ekokupis sin pri tio, la privata helpagado ekkomencis, kaj mondfamaj pedagogoj Froebel kaj Schreber jam antaŭ 50 jaroj donis la normojn por la edukado de la laborista junularo. En la Froebellernejoj kiel en la infangardejoj, kiuj estas mone subtenataj de l' ŝtato kaj de l' komunumoj, oni akceptas infanojn de unu jaro kaj pli. Ili estas edukataj de zorgemaj „fratinoj", kaj la patrinoj kondukas ilin hejmen post la laboro. Same la prizorgado por la laborista idaro, precipe en la grandurboj, efikas aparte en la jena grava kaj home bela kampo de bonfaro. En ĉiu somero dum la libertempo dekmiloj da laboristaj infanoj estas sendataj en la t. n. ferikoloniojn (*ferio* = libertempo). Tie, ĉe la maro, en la montaro aŭ alie en arbaroj, ili estas senpage zorgataj kaj tiel plifortiĝas kaj plisaniĝas. Ĉiuj tiuj celadoj kompreneble estas inspektataj kaj subtenataj ne nur de la ŝtato sed ankaŭ de la urboj, tiel, ke en tiu okazo ŝtato, komunumo kaj privata bonfaro agas kune. Kiam la infanoj, forlasinte la lernejon, eniris kiel metilernantoj en iun profesion, la ŝtato denove sin ekokupas pri la sorto de la junuloj, donante al la meti- kaj fabriklernanto en la ŝtataj kaj urbaj perfektiglernejoj la eblecon plivastigi siajn sciojn kaj konojn. La mastroj estas leĝe devigitaj doni al ĉiu lernanto la libertempon por la vizito de la difinitaj lecionoj, do ĉiu metilernanto devas uzi tiun utilan institucion. La penso de la deviga perfektiglernejo baziĝas sur la tuta germana evolucio. La germana industrio, precipe la ĥemia, fera, ŝtala, elektra kaj aliaj industrioj akiris sian gravecon per la intima kunigo de la scienco kun la praktika energio. La germanoj scias bone, kiom la industrio ŝuldas al la scienca kleriglaboro, kaj same kiel la kondukantoj de la industrio devas praktike kaj teorie atingi plej altan gradon per la kunfandigo de

scienco kaj praktiko, tiel ankaŭ la simpla metiisto kaj la laboristo devas lerni tiom da tekniko kaj scienco, kiom estas necese kaj utile por ilia profesio. Krome ili lernas tie librotenadon, kalkuladon kaj aliajn gravajn fakojn, kiuj povas utili al ili, kiam ili fariĝas memstaraj. Same kiel Germanujo dank' al sia devigo al instruiĝo havas plej malmulte da senalfabetuloj el ĉiuj kulturŝtatoj, la arta kaj komerca instruiteco de ĝia laborista kaj metiista junularo superas tiun de aliaj landoj. Kaj kiel en la deviga perfektiglernejo la junulo estas instruata por la posta vivo, tiel ankaŭ por la ina sekso ekzistas multe da perfektigaj lernejoj. Krome fondiĝis multe da unuiĝoj, en kiuj la junulino lernas ĉiujn fakojn de la mastrumado kaj ankaŭ artajn kaj profesiajn fakojn.

*G. Möckel.*

Esp.[1] *Joseph Sommer* (Del. Lippstadt).

# NOTOJ

.˙. **Svislandaj hoteloj kaj hotelistoj.** — La suma nombro de la hoteloj por fremduloj en Svislando, kiu estis 1.002 en 1880, kaj 1.693 en 1894, nun superas 2.000, kaj eĉ 4.000 se oni enkalkulas la hotelojn por enloĝantoj, la pensionojn kaj la gastejojn. La plej granda nombro da ili estas en la Bern'a kantono, poste en la kantono Graubünden kaj en la Vaud'a kantono. Oni ankaŭ kalkulis la nombron da litoj. En la hoteloj por fremduloj estis en 1880 pli ol 56.000 litoj, kaj en 1905 pli ol 124.000: nun estas preskaŭ 150.000 litoj.

La kapitaloj uzataj en la hotela industrio en 1880 estis 312 milionoj da frankoj, kaj en 1905 777 milionoj; do meznombre estas bezonata por 1 lito kapitalo da 6.000 frankoj. Tiun jaron la hotela industrio enhavas preskaŭ unu miliardon da frankoj. Dum la sama periodo, la enspezoj kreskis de 52 milionoj ĝis 188 milionoj (do proksimume 1.500 po lito). La elspezoj kreskis, laŭ sama proporcio, de 36 ĝis 131 milionoj da frankoj. La netaj profitoj, kun dekalkulo de la amortizaj elspezoj estis meznombre 2,3 % en 1880, 3,2 % en 1894, kaj 4,75 % en 1905. Oni konstatas, ke tiuj profitoj estas iom malaltaj, male ol la kutima opinio. Ĉar la „season" en Svislando ofte estas mallonga; la vizitantoj estas multaj precipe dum aŭgusto. Aliparte svisa hotelisto havas principon kontentiĝi per malalta profito, por plimultigi sian klientaron, kaj tiu sistemo ĉiam sukcesis por li. Li ankaŭ klopodas kiel eble plej multe ŝpari la ĝeneralajn elspezojn.

Alia karakterizo estas la solidareco; tute ne sin konsiderante reciproke kiel kontraŭulojn, la hotelistoj faras reklamon ope kaj kune, kaj sendas klientojn unu al alia. Ili fondis la „Svisa Societo de Hotelistoj", kiu faris gravajn statistikajn enketojn en 1880, 1894 kaj 1905. Tiu societo aperigas revuon, studas la profesiajn demandojn, rilatas kun la ŝtato, faras inteligentan propagandon.

Ĝi kreis la Lernejon por Hotelistoj, kie oni instruas al la estonta direktoro de hotelo ĉion, kio povas utili en lia profesio: kontregistrado, geografio, kono de l' manĝkomercaĵoj, servado, sintenado, modernaj lingvoj, k. a. En Franclando lernejo estas fondita laŭ tiu modelo. Bona hotelisto ne estas improvizebla.

Ĉiuj svisaj hotelistoj kaj ilia servistaro parolas plurajn lingvojn, ĉiam la francan kaj la germanan, ĝenerale ankaŭ la anglan kaj la italan.

*L. P.*

.˙. **Ĉapelpingloj.** — Laŭ la plej nova statistiko de la Wien'a policdirekcio, okazis en tiu urbego dum la lastaj 4 monatoj 747 korpdifektoj per neŝirmitaj ĉapelpingloj, tial ĝi decidis, ke de nun ĉiuj korpdifektoj kaŭzitaj per sinjorinaj ĉapelpingloj estos punataj per malliberigo de 6 horoj ĝis 14 tagoj. Tiu ĉi puno unuamomente ŝajnas mezepoke severa, tamen ĝi estas justa, se oni pripensas la multajn okazojn, en kiuj la ĉapelpingloj kaŭzis tiom da pli malpli danĝeraj sed ĉiam tre dolorajn korpdifektojn. Tiu ĉi pundecido efikos ankaŭ ĉe la komercistaro, ĉar ĝi de nun vendos nur ĉapelpinglojn kun pingla ŝirmilo.

Tre rimarkinda estas la kutimo, kiu de ne longe valoras en kelkaj germanaj urboj. Virinoj kun neŝirmitaj ĉapelpingloj ne povas uzi la elektrajn tramvojojn, sed la konduktoroj, atentigantaj ĝentile la virinojn je la malpermeso, estas pretaj samtempe helpi al ili el la embaraso prezentante al ili ĉapelpinglan ŝirmilon. La peco kostas 10 pfenigojn kaj estas ĉiam danke akceptata de la virinoj. — *Rupčić* (Del. Dubrovnik).

.˙. **La fervojaro de la mondo.** — Ĉe la fino de 1911 la fervojaro de la mondo havis vojlongon de 1,057,809 kilometroj, el kiuj 27,633 km (2,7 %) estis dum la jaro nove malfermitaj por trafiko.

Divido laŭ mondpartoj montras:

| | |
|---|---|
| Eŭropo | 338,880 km |
| Ameriko | 541,028 „ |
| Azio | 105,011 „ |
| Afriko | 40,489 „ |
| Aŭstralio | 32,401 „ |

Rilate al la surfaco de la lando, Belgujo havas la plej grandan longon de fervojaj linioj, t. e. 29,3 km por 100 km². Por Granda Britujo kun Irlando la komparebla kilometronombro estas 12,0, por Svisujo 11,5, por Germanujo 11 4, por Francujo 9,3. Malplej da fervojoj havis 1911 en Eŭropo la tiama Turkujo, kie la longo estis nur 0,9 km meznombre por ĉiu cento da km².

Rilate al la loĝantnombro kelkaj ekstereŭropaj landoj havas la plej grandan longon da fervojoj. Ekzemple Okcident-Aŭstralio havas 103,9 km da fervojoj por ĉiu dekmilo da loĝantoj. Kompareblaj kilometronombroj estas por Argentino 64,5, por Kanado 61,9, por Usono 43,1, por Svedujo (plej alte en Eŭropo) 25,7, por Svisujo 14,2, por Francujo 12,8, por Germanujo 9,5, por Aŭstrio kaj Hungario 8,8, por Granda Britujo kun Irlando 8,3. Ankaŭ rilate al la popolnombro Turkujo en 1911 havis en Eŭropo plej malmulte da fervojoj, aŭ nur 2,5 km por ĉiu dekmilo da loĝantoj.

Kompreneble estas bezonataj milionoj de oficistoj por prizorgi la trafikon de la tutmonda fervojaro. La nombroj de la fervojistoj en la ĉefaj landoj de la Eŭropa kontinento estis laŭ oficialaj raportoj:

| | | |
|---|---|---|
| Germanujo (nur ĉe normallarĝ. fervojoj) | 716,678 | (1911) |
| Francujo (nur ĉe la grandaj fervojoj) | 339,032 | (1910) |
| Aŭstrio | 276,943 | (1911) |
| Hungario (escepte regionaj fervojoj) | 130,945 | (1910) |
| Svisujo | 41,578 | (1911) |

En kelkaj landoj la fervojoj estas preskaŭ ekskluzive ekspluatataj de la ŝtatoj. Tia estas precipe la cirkonstanco en Germanujo, kie — kun unu sola escepto (la fervojo Lübeck-Hamburg) — ĉiuj gravaj linioj apartenas al la ŝtatoj. Ankaŭ en Aŭstrio-Hungario, Rusujo, Italujo, Belgujo, Svisujo, Danujo, Norvegujo, Serbujo, Rumanujo kaj Bulgarujo la ŝtatoj mem ekspluatas la plej multajn liniojn. En Nederlando la ŝtato posedas la plimulton el la fervojaro, sed la ekspluatado estas prizorgata de kompanioj. En Francujo, Portugalujo kaj Svedujo la ŝtatoj posedas gravajn partojn el la fervojaro, kvankam la plimulto el la linioj apartenas al kompanioj. En Britujo kaj Hispanujo ekzistas nur fervojoj posedataj de kompanioj.

Unu el la eŭropaj ŝtatestroj iufoje skribis sentencon, kiu ankaŭ povus esti devizo de la Esperantomovado: „la mondo en la komenciĝo de la dudeka jarcento troviĝas sub la aŭspicioj de la komunikado". Tamen ankoraŭ kiam multaj nun vivantaj personoj estis gejunuloj, eĉ alte ŝatataj aŭtoritatoj deklaris, ke fervojoj neniam estos praktike utilaj por la komunikado.

Ekzemple la bavara medicina ĉefdirekcio tutserioze konkludis antaŭ nur okdek jaroj pri la tiam konstruota fervojo Nürnberg-Fürth, ke „la rapida moviĝo nepre kaŭzos ĉe la vojaĝantoj cerban malordon, iaspecan deliron furiozecan. Se la vojaĝantoj tamen konsentos riski tiun teruregon, la ŝtato devas almenaŭ gardi la rigardantojn, kiuj aliokaze, kiam ili rigardus la rapide kurantan vaporveturilon, estus trafataj de precize sama cerba malsano. Tial estas nepre necese, ke la fervojo ambaŭflanke estos ŝirmata per alta kaj densa barilo". — *Jln.*

[1] El „Kraft und Schönheit".

# LITERATURO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Nova biblioteko Esperanto. — Poeziaĵoj** de *Frid. Schiller*, trad. de kolonelo *Zwach*. — Prezo: Sm. 0.25.

La „Nova Biblioteko Esperanto" havas la celon montri al la Esperantistaro, ke nia movado ankaŭ en la belega ĉefurbo de Aŭstrio konstante prosperas. Ĝia programo estas „publikigi perfektajn tradukaĵojn el la internacia klasika literaturo kaj originalajn verkojn en Esperanto."

La enhavo de la unua promesriĉa volumo de la Nova Biblioteko konsistas el kvar mondfamaj poezioj de Schiller: la Kanto pri la sonorilo, la Gruoj de Ibikuzo, la Ringo de Polikrateso kaj la Divido de la Tero.

La plej grava, laŭ longeco kaj poezia beleco, estas la Kanto pri la Sonorilo, kiun la tradukisto videble prilaboris kun speciala zorgo kaj amo. La sekvanta citaĵo ebligas, ke la leganto mem juĝu pri la bonsoneco kaj forteco de la traduka stilo.

Ve, se ĝi [= la fajro] liberiĝita
Kreskas kaj sen kontraŭstar',
Tra la popolplenigita
Strato kuras fajromar'!
Ĉar de ĝi ja malamita
Estas ĉia homa far'.
El la nubo
Pluvo venas,
Ben' devenas;
Venas ankaŭ sen kompat'
Fulmobat'.
Ĝemas vento el la tur',
Aŭdu nur!
Sangkolor'
Sur ĉielo,
Ĝi ne estas la aŭror'!
Kia pelo!
Bolas for
La vapor'!
Flagre fajra tur' leviĝas,
Tra la longa strat' moviĝas,
Kiel vent' ĝi forkreskiĝas;
Kvazaŭ el la forna truo
Ardas vento: Kia bruo!
Fostoj falas, vitroj tremas,
Patroj vagas, filoj ĝemas,
Krias bestoj
Sub la restoj;
Ĉio flugas, kuras, savas;
Nokto tagan lumon havas.

(pg. 9-10.)

Ne ĉiuj versoj estas tiel bone stampitaj; kelkfoje la stilo estas iom neklara, kelkaj rimoj neĝustaj (prezo, edzo; malamik', lumig'), kaj por plenigi la ritmon la tradukinto trouzas vortetojn *jen, do, ja*; tamen, krom tiuj kritiketoj, mi opinias, ke la konscienca verko de kolonelo Zwach estas laŭdinda kaj inde iniciatas la Novan Bibliotekon.

* * *

**Alegorioj el la naturo,** de *Margaret Catty*, el la angla lingvo trad. *Gego*. London, The British Esperanto Association. Prezo: Sm. 0.25.

En tiu poezia kaj pensoriĉa verketo, la aŭtorino, ŝajne parolante pri la vivo, morto aŭ aliformiĝoj de papilioj, araneoj, libeloj kaj birdoj, nur alegorie aludas la misterojn de la homaj vivo, morto kaj postmorta reviviĝo. Pri tiaj solvindaj, sed eble nesolveblaj demandoj, ĉiam troviĝos iuj, kiuj dubos kaj timos, ĉiam iuj, kiuj ne kredos (sed ne timos kaj ne mokos), ĉiam iuj, kiuj esperos kaj rigardos supren (vid. p. 26). Sed ĉiuj konsentos pri la delikata ravanteco de la priskriboj de Margaret Catty. El kvar alegorioj, el kiuj konsistas la verketo (Araneaĵoj, Ne perdita sed foririnta antaŭe, Leciono pri fido, La ĉiutaga pano), eble la dua estas la plej bela.

Larvoj unuj post aliaj libeliĝas, sed nek la larvoj povas komunikiĝi kun la libeloj, nek estas eble, ke la libeloj revenu en la lagan akvon kaj rakontu al la larvoj pri sia nuna enaera vivo. Ili nur povas rondflugi super la lageto, en kiu mallume vivadas iliaj forlasitaj, sed baldaŭ siavice libeliĝontaj fratoj. Tial „en la venta aero ĉirkaŭ la arbara lageto, en la helaj someraj posttagmezoj, sonadas la frapado de la flugiloj de libeloj, kiuj rapidas jen malantaŭen jen antaŭen, jen tiuflanken jen aliflanken, sen turniĝo aŭ halto, super la kristaleca akvo en la raviteco de la nova vivo" (p. 27).

La sekvanta citaĵo el la sama alegorio ankaŭ sciigos pri la ĉarmo de l' originalo kaj pri la klasika eleganteco de la traduko: „Ho bela arbara lageto plena de mistera vivo, pri kies sekretoj ni scias tiel malmulte, kiu ne volus longe resti apud via bordo por studado kaj pripensado? tie, kie la fago etendas siajn graciajn branĉojn, ĝojante en la reflektita belegeco malsupre; tie, kie la senpekaj birdoj kantas sian ĝojan muzikon; tie, kie la blua miozoto rakontas pri la antikva romaneco kaj la longaj herboj sin klinas super siaj bildsimilaj ombroj; tie, kie la libeloj pendflugadas super la supraĵo de la akvo, sopirante trankviligi la korojn de la tremanta gento, kiu ankoraŭ esperas kaj tremas malsupre" (sama paĝo).

* * *

*Z. Adam*. — **Esperanta-Pola kaj Esperanta-Litova bibliografio** (1887—1912). — Varsovio, Presejo L. Boguslawski, Swictokrzyska, 11. — Prezo: Sm. 0.40.

Tiu grava verko havigos oportunan dokumentaron al la Esperantistaj literaturistoj kaj historiistoj. Ĝi daŭrigas, en pli kompleta kaj pli scienca formo, la laboron tiel bone komencitan de S-ro G. Davidov.

La Esperanta-Pola Bibliografio enhavas: *a)* Esperantajn verkojn de polaj aŭtoroj; *b)* polajn tradukojn de priesperantaj verkoj de nepolaj aŭtoroj; *c)* kolektajn verkojn de diversnaciaj aŭtoroj. La ordo de libroj estas kronologia, sed nur laŭ jaroj. Ĉiuj detaloj de la titoloj estas konservitaj. Prave rimarkigas S-ro Z. Adam, ke en la titoloj ofte troviĝas interesaj kaj gravaj detaloj por la historio de Esperanto.

La valoro de tiu libro de S-ro Zakrzewski, jam granda en la estanteco, pli kaj pli grandiĝos en la estontjaroj.

* * *

*H. T. Craven*. — **La Kamena Angulo,** familia dramo en du aktoj. — El la angla lingvo trad. *Gego*. — Paris, Presa Esper. Societo, 33, rue Lacépède. — Prezo: Sm. 0.30.

La titolo de la angla originalo, ludita la unuan fojon en „Royal Olympic" Teatro en Londono, estas „The Chimney Corner".

La scenejo montras „internon de malgranda saloneto post butiko de kandeloj en antaŭurbo de Londono". La kandelvendisto, Petro Probiti, estas hereda kuratoro de fraŭlino Grace Emeri, kiun li kaj lia edzino edukadis kiel filinon. Nun ŝi estas plenaĝa kaj ricevonta sian heredaĵon, kaj pro tio la honesta Petro Probiti pretigis la respondan sumon. Sed lia naŭdekjara patro Salomono, infaniĝinte pro maljuneco kaj kutime forgesante post unu momento, kion li faris la ĵus antaŭan, kaŝas en angulon de la kameno, pro timo de ŝtelistoj, la pretigitan sumon. Pro suspektigaj cirkonstancoj, oni kulpigas la filon mem de Petro. Sed post dramecaj scenoj, kiuj pentras la premdoloron de la gepatroj kaj kornobleçon de Grace, la maljunulo fine ekmemoras pri la kaŝado kaj pri la kaŝejo, kaj tiel elmontriĝas la senkulpeco de la filo, kiu edziĝos kun la de infaneco amata Grace Emeri.

S-ro Gego estas la bonega tradukinto de la amuza komedieto: „*Kara Panjo*" kaj li rajtus, sen timo de la plej severaj recenzistoj, eldoni senkonsile tute korektajn tradukaĵojn. Tamen li modeste petis siajn kolegojn de Esperantista Literatura Asocio, ke ili tralegu lian manuskripton kaj helpu lin per siaj konsiloj. Jen pripensinda kaj de kelkaj imitinda ekzemplo!

* * *

**Gvidlibro tra Château-Thierry.**

S-ro G. Delanoue, Del. de UEA, sukcesis eldoni tiun ĉi simplan sed bongustan gvidlibreton kun la helpo de la Iniciata Societo, de la Kastel-Teodorika Grupo kaj sub la aŭspicioj de UEA. Château-Thierry estas urbeto en la franca departemento Aisne. Tie naskiĝis en 1621 la tutmondfama fablisto Jean de la Fontaine. La restaĵoj de fortika kastelo, antikvaj muroj, turoj kaj pordegoj faras ĝin vizitinda. Ĝia ĉarma pejzaĝo, plaĉa kaj bonaera klimato instigas al longa restado.

La gvidlibreto, tre korekte verkita, estas ilustrita per ok beletaj gravuraĵoj.

*Verto.*

# Bileto de blankbarbulo

## *Tempo perdita*

*Jutkore mi deziras, ke nia Pariza Kongreso estu paca kaj lasu al la partoprenintoj plej ĝojan kaj ĝojigan memoron, ke ĝi estu utila al nia afero.*

*Sed tio estos ebla nur, se ĉiuj havas la klaran senton, ke ĉio tie ĉi okazas en klara lumo, kiel konvenas inter maturaĝaj kaj liberaj homoj, inter amikoj, inter „fratoj“.*

*Tute nature estas, ke — se oni akceptas la lingvon Zamenhofan, kiun ni ĉiuj akceptis tian, kia ĝi estas, — tute nature estas, ke la opinioj ofte inter ni estas diversaj kaj malaj, tute nature, ke ni ne ĉiam aprobas unu la alian. Sed tion ni povas kaj devas montri diskrete, sen ia ajn akreco kaj tute ĝentile.*

*Jam de multaj jaroj al ĉiuj mi turnas min kun sama peto, kiu estas, ke ni serĉu lojale antaŭ ĉio la konkordon en la respekto de la rajtoj de ĉiuj, ke ni zorge evitu la senfruktajn kritikojn kaj vanajn plendojn, kiuj fatale naskas konfliktojn.*

*Malpravaj ili estas tiuj, kiuj ĉiam suspektas la aliajn pri perfidaj intencoj, teruraj intrigoj kaj „maĥiavelaj“ kalkuloj; sed eĉ, se ili estus pravaj, pli bone estus kaj pli lerte, ilin ignori kaj simple iri sian vojon kaj fosi sian sulkon; pli bone kaj pli lerte, anstataŭ kontraŭbatali iun, batali por io; pli bone kaj pli lerte, agi* jese, *se tiel mi povas diri, ol agi* nee; *per konstruado, ol per detruado.*

*Laŭ sama spirito, ŝajnas al mi eraro, tro atenti pri la kritikoj aŭ riproĉoj de S-roj Idistoj kaj uzi siajn fortojn per praktike senutila refutado kaj rebatado.*

*Ĉio tio ĉi en la kunkurado, en kiun ni konfide kaj ĝoje eniris, estas nur* perdita tempo.

* * *

*Atalanto kolektante la orajn pomojn, kiujn disĵetis Hipomeno, al celo alvenis lasta.*

*Ni ne imitu Atalanto'n; tiom pli, ke ni ne povus nin senkulpigi per tio, ke por oraj pomoj ni kliniĝadis kaj oferis la venkon:* Th. Cart.

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Kongreso de polaj Esperantistoj

Proksime de antaŭdujara kongresejo, proksime de Kraków, en Bochnia (elp. Boĥnja) okazis II[a] Kongreso de polaj Esperantistoj la 28 kaj 29 junio 1914. Subvenciita de la urbestraro kaj du urbaj kasoj per sumo da 200 K., ĝi faris grandan propagandon en la urbo, ekinteresis plej eminentajn personojn de la ĉirkaŭaĵo kaj antaŭenpuŝis nian aferon en Galicio. Kiel protektoroj de la kongreso deklaris sin S-ro D-ro F. Maiss, urbestro kaj deputatano de la landa parlamento, J. Veltzé, konsilanto de i. k. r. Landestraro kaj distriktestro, A. Hanusz, marŝalo de Bochnia'a distrikto, kaj A. Ruebenbaŭer, deputatano de la ŝtata parlamento.

La kongreson malfermis prezidinto de I[a] kongreso, okazinta en 1911 en Lwow, S-ro D-ro A. Godlowski el Lisko, poste salutis la kongreson en nomo de la urbo kaj distrikto deputatano A. Ruebenbaŭer, kiu en sia parolado akcentis internaciecon de nia lingvo, kaj konsilano de i. k. r. Landestraro J. Veltzé. Sekvis salutparoladoj de reprezentantoj de diverslokaj societoj kaj grupoj, tiel salutis la kongreson S-roj D-ro A. Kleski (Jablonow), B. Kuhl (Wien), A. Jujelevski (Wilna), D-ro S. Mikolajski (Lwow) k. a. La plej grandan aplaŭdon kaŭzis parolado de salmineja laboristo S-ro J. Zarychta el Bochnia, kiu alvokis kaj petis pri pli granda propagando de nia lingvo inter laboristoj.

Salutajn paroladojn postsekvis elekto de P-ro O. Bujwid (Kraków), kiel prezidanto, D-ro S. Mikolajski (Lwow), I[a] vicprezidanto, P-ro Z. Wilusz (Bochnia), II[a] vicprezidanto, kaj S-ro B. Kuhl (Wien) kaj L. Kronenberg (Bochnia), sekretarioj. Oni tralegis saluttelegramojn i. a. de D-ro L. L. Zamenhof, de hungarlanda kaj aŭstria internacia kongreso Esperantista en Pozsony (Hungarujo), de Redakcio de „Pola Esperantisto“, de Pola Esperantista Societo en Warszawa (Polujo), de Unua Esperanto Unuiĝo (Wien), Pola Esperanto-Societo (Poznan), de societoj en Lwow, Tarnow, Chrzanow k. a. Post parolado de P-ro O. Bujwid kaj D-ro Mikolajski sekvis referato de S-ro S. Rudnicki (Kraków) pri „Ligo de polaj Esperantistoj en Aŭstrio“, en kiu li prezentis la neceson de ĝia kreo, sekvante la ekzemplon de aliaj nacioj kaj mallonge, sed klare skizis la projekton de la regularo. La diskuto estis prokrastita ĝis venonta tago pro malfrua horo.

Dum komuna tagmanĝo tostis prezidanto de la Loka Komitato P-ro Z. Wilusz por la sano de multnombraj partoprenantoj de la kongreso kaj dankis al ili por ilia alveno. Respondis D-ro S. Mikolajski, dankante al la Organiza Komitato en Kraków kaj Loka Komitato en Bochnia por la bona aranĝo de la kongreso.

Posttagmeze okazis ekskurso al Okocim, kie la kongresanoj vizitis tiean faman bierfarejon kaj belegan parkon. Reveninte al Bochnia, eksciis la ĉeestantoj pri mortigo de aŭstria arĥiduko, kio kaŭzis forigon de la balo.

Duan tagon okazis la daŭrigo de la labora kunsido; la prezidanto sciigis la ĉeestantaron pri tragedia morto de l' arĥiduko kaj proponis fermi la kongreson, akceptante nur proponon de D-ro Mikolajski, ke la II[a] Kongreso de polaj Esperantistoj akceptas la prezentitan projekton de regularo de la Ligo kaj komisias efektivigon de tiu ĉi projekto al la estraro de „Societo Esperanto“ en Kraków, rajtigante ĝin funkcii ĝis venonta kongreso kiel provizora estraro de la Ligo. La propono estis unuanime akceptita kaj post resendo de aliaj proponoj al la estraro de estonta Ligo, la prezidanto fermis la kongreson.

La kongreson partoprenis pli multe ol 60 personoj el 20 urboj.

*K. Alfus* (Kraków).

## Kongreso de Norda Franclando

La Nordfederacia Kongreso, okazinta en Lille la 28 junio, kunigis ĉirkaŭ 150 samideanojn, inter kiuj kelkaj Belgoj, 2 Rusoj, 1 Germano kaj 1 Sudamerikano.

Matene okazis kunveno de la Del. de UEA, dum kiu oni pritraktis diversajn rimedojn por disvastigi nian asocion en la Nordaj Grupoj. Oni aprobis la decidon de nia DD, S-ro Deligny, aperigi en ĉiuj numeroj de N. G. rubrikon pri UEA, kiu interalie raportos la servojn ricevitajn kaj donitajn de la norddistriktaj delegitoj.

La kunsido de la kongreso en Hôtel de Paris sub prezido de S-ro Cotton, profesoro ĉe la Sorbonne, estis tre interesa. La departementestro kaj urbestro estis reprezentitaj. Atentinda estis la malferma parolado de S-ro Cotton, kiu pritraktis diversajn spertojn pri nia lingvo, en la scienca fako, kaj rakontis, kiel Esperanto estis utila al li dum sciencaj esploroj en Ameriko. La parolado de S-ro Durieux, prezidanto de la Norda Federacio, vekis multnombrajn aplaŭdojn. Li sprite kontraŭdiris artikolon, aperintan en Lille'a gazeto kontraŭ nia lingvo.

Ĉe la festeno ĉeestata de kelkaj urboj eminentuloj okazis multnombraj tostoj, inter kiuj ni citos tiujn multe aplaŭditajn de la eksterlandaj samideanoj: S-ro Witterijk, prezidanto de la Belga Ligo Esp., S-ro Petiau, sekretario de la Genta Grupo, S-ro E. W. Perker el Hagen (Westf.), S-ro J. Prat Bonet el Buenos-Ayres ktp.

**La veturo al la Palais Rameau, kie aŭdiĝis koncerto de la Cercle Berlioz, okazis en rezervitaj tramveturiloj, ornamitaj per francaj kaj esperantaj flagoj. Post vizito de la tiea rozekspozicio okazis vere artista esperanta kaj franca koncerto, ĉe kiu partoprenis la Ronchin'a Blinduleja Muzikistaro. Sekvis vivoplena balo. Pro la bonega aranĝo de la kongreso multajn laŭdojn oni ŝuldas al la organizintoj de tiu vere sukcesinta kongreso kaj ĉefe al S-ro Waterlot, la sindona sekretario de la Lille'a grupo.**

# KRONIKO

**Ni rememorigas, ke por la redakto de tiu rubriko ni bezonas la kunlaboradon de ĉiuj legantoj, speciale de ĉiuj Delegitoj de UEA. Ni plezure enpresos ĉiujn *freŝajn* informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp. Oni bonvolu skribi koncize kaj tre legeble. Por esti enpresataj en la plej proksima N-ro, ĉiuj komunikaĵoj devas esti ricevataj de ni *antaŭ la 10ª kaj 25ª de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.***

*La redakcio.*

## Aŭstrio-Hungario.

*Arad:* Speciala somera kurso estas malfermita por 18 anoj sub gvidado de S-ro A. Vandor. — *Beroun:* Malfermiĝis du kursoj sekve de parolado de S-ro Ŝidlo kun entute 200 anoj. Instruas S-roj Raž kaj Kraus. — *Kladno:* Malfermiĝis nova kurso sub gvidado de S-ro O. Koĉi. — *Loštice:* Fondiĝis nova klubo. — *Praha:* La monkolekto aranĝita en Bohemujo por ebligi al du malriĉaj, Esperanton lerte parolantaj blindulinoj la vojaĝon el Praha al Paris okaze de la blindula kongreso samtempe okazonta kun la Deka, bonege sukcesis. Ĝis la 1 julio oni kolektis 95 Sm. — *Rakovnik:* La Klubo preparas grandan propagandan ekspozicion, kiu estos malfermita la 27/28 septembro kaj 4 oktobro. Okaze de tiu ekspozicio la klubo eldonis belajn glumarkojn kun vidaĵo de Rakovnik kaj Esperanta kaj bohema teksto.

## Britujo.

*Londono:* Pro la afableco de la estroj de la Anglo-Amerika Ekspozicio ĉe la „Blanka Urbo", la Brita Esperantista Asocio aranĝis elmontron de Esperantaj libroj, gazetoj, ŝlosiloj, landkartoj, planoj, katologoj, ktp. Vizitantoj de Londono nepre devas viziti ĝin. Kvindek personoj partoprenis en la ĉiujara ekskurso de la Emmanuel Klubo ĝis Windsor, kiu estas granda sukceso. La subĉiela propagando en la Hyde Parko, kiun oni komencis lastan someron, nun daŭras, kaj trifoje ĉiusemajne grandaj amasoj aŭskultas la bonecon kaj utilecon de nia lingvo. Vizitantoj de Londono ankaŭ nepre vizitu tiujn kunvenojn. Dum la monato ĉe la Londona (Centra) Klubo okazis diversaj diskutadoj, pri „Hipnotismo", ankaŭ pri la „Fundamento", kiam F-ino Lawrence aludis kelkajn tre interesajn memoraĵojn pri la unua Universala Kongreso en Boulogne. En Woolwich, je 23 majo, okazis granda kunveno ĉe la Plumstead lernejo pro la finiĝo de la Esperanta kurso. Malgraŭ la malbona vetero, multaj ĉeestis. Prezidis Kolonelo Pollen, la Prezidanto de la societo. — *Birmingham:* La loka klubo antaŭ nelonge translokiĝis, sed la nombro da membroj tiom kreskis, ke oni serioze pripensas baldaŭ ree translokiĝi. — *Bradford:* S-ro J. T. Holmes faris du paroladojn pri Esperanto ĉe dimanĉaj lernejoj, kaj oni baldaŭ intencas fondi novan kurson. — *Edinburgh:* La Esperantistaj Policanoj progresas tre rapide, kaj ĉiu havas siajn proprajn alilandajn korespondantojn. Je 3 junio vizitis tiun urbon S-ro Richard Sharpe (RoŜo) el Torquay, kaj li paroladis antaŭ la policanoj pri siaj spertoj kaj ankaŭ poste vizitis ĉiujn policanojn en la stratoj kaj faris bonan propagandon. — *Halifax:* La loka grupo faris ekskurson ĝis Castle Carr je 6 junio. — *Kilmarnock:* La Naŭa Skota Esperantista Kongreso okazis tie ĉi de 6 ĝis 8 junio. — *Montrose:* Je 30 majo la membroj de la loka grupo ekskursis al Usan, kvieta bela vilaĝeto. — *Sheffield:* Dum Pentekosto okazis tie ĉi la Sepa Brita Esperantista Kongreso. — *Southport:* La ĉiujara kunveno de la grupo okazis 11 majo kaj ĉeestis pli ol 40 membroj. Oni reelektis la Prezidanton, Pastro Joseph Ashby. Oni prezentis tre kontentigan raporton pri la pasinta jaro.

## Bulgarujo.

*Gara Vetovo:* S-ro pastro G. Ĥristov malfermis kurson.

## Francujo.

*Paris:* La ĝenerala kunveno de la E. S. F. I. O. okazis la 19 julio en Maison Commune du IIIme, 49, rue de Bretagne. — *Toul:* En ekspozicio pri la Ruĝa Kruco aranĝita de la loka sekcio de la Unuiĝo de francaj virinoj en montrofenestro ankaŭ Esp. estis reprezentata.

## Germanujo.

*Bromberg:* Post parolado de S-ro Szymanovski inter poŝtoficistoj, nova kurso komenciĝis sub gvidado de S-ro Szymanovski. — *Dortmund:* La grupo forsendos al la komercistaro en la urbo propagandpresaĵojn. Laŭ peto de la grupestro la komerca ĉambro transdonis la kompletan liston de membroj al la grupo kaj tiel ebligis la dissendadon. — *Essen:* Por fini la kursojn aranĝitajn de la loka grupo okazis la 11 julio amuza vesperfesto kun koncerto kaj dancado. — *Günnigfeld* apud *Gelsenkirchen:* Por fini la kurson la grupo aranĝis la 4 julio feston, kiun ĉeestis 80 personoj. S-ro Pillath, Del. en Essen, deklamis memtradukitan versaĵon kaj S-ro Schwarz, Del. en Dortmund, faris paroladon pri Esp. kaj ĝiaj kongresoj. Nova kurso estas malfermota sub gvidado de S-ro Przyswitt, Del. — *Köln:* Okaze de la Deka Kongreso okazas nun rapidkurso por personoj partoprenontaj la Kongreson.

## Hispanujo.

*Pueblo Nuevo del Terrible:* S-ro J. de Tapia y Bujalance fondis grupon kaj instruas Esp. al 40 personoj.

## Italujo.

*Borgo S. Dominico:* La kurso gvidita de S-ro M. Carolfi finiĝis la 29 junio, kun bona rezultato. — *Busseto:* Grupo kun 37 membroj stariĝis sub nomo „Verda Stelo". — *Casalbuttano:* La 26 junio okazis ekzameno por la lernantoj sekvintaj la kurson de S-ro E. Cadoria. — *Cremona:* La kurso finiĝis la 25 junio kaj Esp. grupo estis fondita; 43 membroj, inter kiuj multaj profesoroj.

## Nederlando.

*Rotterdam:* Sekve de la vizito de F-ino Steevens el Gent, kurso kun 10 S-inoj komenciĝis sub gvidado de S-ro J. van der Velde.

## Rusujo.

*Dorpat:* La 31 majo okazis amuzvespero kun parolado, diversaj kantoj, teatraĵo kaj dancado. — *Ekaterinoslav:* Fondiĝis Esp. grupo; baldaŭ okazos propaganda vespero kaj malfermiĝos kurso.

## Svisujo.

*Lausanne:* La 29 junio S-ro J. H. Krestanof faris paroladon en la Komerca Lernejo pri la balkanaj landoj, ĉefe pri Bulgarujo. Ĉeestis ankaŭ multaj bulgaraj studentoj.

## Ĥinujo.

*Chang Shu:* S-ro Eceno fondis Esp. grupon.

# DEKA KONGRESO DE ESPERANTO

**Parizo, 2-10 aŭgusto 1914**

**Programo.** — En la programo troviĝas kelkaj ŝanĝoj, nome:

1e Malferma kunsido okazos dimanĉon je 9 h. vespere.

2e La KKK deziras, ke la Rajtigitaj Delegitoj havu privatan kunsidon tuj de la komenco de la kongreso. Tiu kunsido okazos lundon matene je 10 h. kaj la kunsido de la Lingva Komitato estos prokrastita ĝis 17 h., post la malferma kunsido de UEA.

3e **La ferma kunsido okazos sabaton vespere. Dimanĉon posttagmeze okazos ekskurso al Saint-Denis.**

4e La akceptejo malfermiĝos sabaton je 13 h ½ en la Gaumont-Palace.

5e La elektoj de la naciaj delegitoj por la malferma solena kunsido okazos dimanĉon matene je 10 h. en la kongresejo.

**Kongresanoj.** — Je la 25 junio la nombro de la kongresanoj atingis *3248*, el kiuj 1183 francoj, 686 britoj, 447 germanoj, 222 aŭstrianoj, 207 hispanoj, 100 rusoj, 82 belgoj, 55 svisoj, 41 italoj, 39 hungaroj, 34 holandanoj, 26 usonanoj, 20 danoj, 19 norvegoj, 15 svedoj, ktp., ktp.

**Diservoj.** — *Por katolikoj.* Dimanĉon 2 aŭgusto okazos en la ĥorejo de la Ĉef-Preĝejo Notre-Dame, kun helpo de la Ĉef-Preĝeja muziko, meso kun prediko de L. K. M. Chapeau, profesoro ĉe la Katolika Fakultato en Parizo.

Merkredon 5 aŭgusto, en la Baziliko Sacré Cœur, meso por la mortintaj Esperantistoj. Preĝoj en la Kripto.

*Por protestantoj.* Rezultate de propagando de S-ro Edmond Privat estos aranĝata io, kio tre grave helpos al la propagando de Esperanto inter francaj protestantoj. La fremdaj kongresanoj estos oficiale akceptataj en la granda historia protestanta ĉefpreĝejo l'Oratoire du Louvre, ĉe la kutima horo de l' diservo: 10 h. 15 a. m. (2 aŭgusto). Estas nun publike anoncita por tiu dato: „Speciala dulingva diservo okaze de la Xa Universala Kongreso de Esperanto". La diservon prezidos la fama franca predikisto Pastro Wilfred Monod, prezidanto de l' Tutfranca Unuiĝo de l' Protestantoj Eklezioj. Li france predikos tre mallonge pri „Esperanto por antaŭenigi la Regnon de Dio" kaj post li parolos esperante du aŭ tri aliaj pastroj diverslandaj. Krom la franca parto de la diservo estas ankaŭ esperantaj kantoj kaj preĝoj.

## DIVERSAĴOJ

.·. **UEA en Londono.** — Jen resumo de la raporto de la Londona Ĉefdelegito de UEA dum majo kaj junio:

*Korespondado:* Leteroj ricevitaj 179, forsenditaj 200.

*Kotizaĵoj:* Estas nun en Londono 253 membroj.

*Reklamado:* La Londona Ĉefdel. sukcesis instigi la faman firmon Dent's, kiu estas jam komerca entrepreno, ke ĝi enmetu provajn reklamojn en kelkaj Esp. gazetoj. Estas esperinde, ke ili ricevos tiel bonan subtenon de niaj samideanoj, ke ĝi decidos daŭrigi la reklamon.

*Servoj:* 42 servoj estas faritaj. Jen kelkaj ekzemploj: Sendis al Francujo prezojn de la instrumento Banjolin, sendis al Rusujo adreson de fabrikanto de metalaj partoj por artefaritaj kruroj, por Portugalo vizitis anglan fabrikiston de fotografiloj, sendigis al Francujo detalojn pri diversaj anglaj kooperativaj loĝdomoj, sendis informon al Ruso pri la nove elpensita fluganta vagonaro, kiun oni jus provis en Londono, ktp.

.·. **Esperanto kaj presistoj.** — En Villepreux, proksime de Paris, fondiĝis Internacia Esperantista Presejo, kies direktoro estas S-ro Carlos, L. K. Ĝi intencas doni la pruvon, ke per Esperanto estas eble, ke tute internacia laboristaro povas kune labori sukcesplene. Ĝis nun estas jam dungitaj laboristoj el ses diversaj landoj. Kompostistoj kaj presistoj, kiuj bone konas Esperanton, bonvolu sin turni al la Internacia Esperantista Presejo, Paris-Villepreux (S.-et-O., Francujo).

.·. **Esperanto kaj laboristoj.** — La laborista Esperantista Kongreso okazos en Parizo merkredon 5 aŭgusto. Ĝi konsistos el du kunsidoj: unu matene kaj la alia posttagmeze. La internacia kunveno okazos dum la vespero de tiu tago. La organiza komitato intencas eldoni Esperantan propagandan broŝuron. Tiu broŝuro estas poste tradukota en naciaj lingvoj: ĝi estos taŭga propagandilo en laborista medio. La Kongresa Komitato petas la Esperantistajn laboristojn, sendi informojn pri ĉiuj cirkonstancoj en kiuj Esperanto utilis al ili, ĉu per interkorespondado, ĉu por dungado, ĉu dum vojaĝo ktp. Por aliĝo al la laborista Kongreso kaj pri ĉiuj informoj, sin turni al Esperantista Franca Unuiĝo, 121, rue de la Convention, Paris.

## TRA LA GAZETARO

.·. *Oficiala Gazeto Esperantista* (junio). Kongresoj en 1916: „Jam multaj proponoj estas ricevitaj por 1916, kaj, se, kiel oni faris por la deka kaj dek-unua Kongresoj oni volas decidi pri la sidejo de la dek-dua Kongreso jam dum la Deka, ni devas raporti pri tiuj proponoj. La Centra Dana Esperantista Ligo jam invitis la Esperantistaron al Kongreso en Kopenhago por tiu jaro 1916. Aliaj invitoj venis por ke la Kongreso okazu en Bukaresti, Berlin, Franzensbad. Plie oni ricevis, dum la Naŭa Kongreso, la proponon organizi Kongreson Esparantistan en Alger. Tiu Kongreso povus okazi nur dum la paskaj libertempoj. Post la Kongreso de Bern, aliaj invitoj venis de Cannes kaj de Marseille. Jen do tri sudaj kaj proksimaj urboj, kiuj proponas organizi kongreson en 1916, kaj ni supozas, ke se ili volas interkonsenti, oni povos aranĝi dum la printempo de tiu jaro, esperantistan rondvojaĝon Cannes-Marseille-Alger, kiu povos fari gravan propagandon en tiuj belaj regionoj."

.·. *Vegetarano.* Dumonata bulteno, oficiala organo de la Vegetara Ligo Esperantista. Redakcio: O. Bünemann, Via Aurelio Saffi 24, Milano.

.·. *La Pulo,* Esp. gazeto por ŝerco, satiro kaj rido. Administracio: G. Davidov, Poŝtkesto 12, Saratov (Rusujo).

.·. Favoraj artikoloj aperis en: *Essener General-Anzeiger* (14 junio). *Bielitz-Bialaer Anzeiger* (20 junio), *Zeit,* Wien (28 junio, kun ilustraĵo de la Esp. monumeuto en Franzensbad), *Rorschacher Bote* (25 kaj 30 junio), *Diario de Burgos* (3 julio), *Prazsky Illustrovany Kuryr,* Praha (5 julio), *Kurjer Kaliski* (7 junio).

.·. Multaj gazetoj aperigis pli-malpli longajn notojn pri la Deka Kongreso.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi per Esperanto la ĉiuspecajn moralajn kaj materialajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri nacieco, raso aŭ lingvo. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn praktikajn servojn por turistoj, komercistoj, studentoj kaj junuloj, virinoj ktp.*

**Profitoj de la membroj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn, parolajn aŭ skribajn, de la Delegitoj kaj uzi ĉiujn servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron (pli ol 300 paĝoj), havi diversajn rabatojn.*

**Nuna stato:** *1400 Delegitoj. 7000 membroj. 400 Entreprenoj. 13,760 servoj dum 1913.*

**Aliĝo:** *Ordinara membro: 2,50 Fr. — Subtenanta membro: 5 Fr. — Interŝanĝa aŭ Studenta Fako: 1,25 Fr. — Esperantia Entrepreno: 12,50 Fr. (Esperantistaj organizaĵoj nur 7,50 Fr. kun la gazeto).*

*La kotizaĵoj estu pagataj al la Delegitoj aŭ, se ne estas, al la C. O. de UEA.*

**Doganaj faciligoj por ciklistoj.** — Laŭ la klopodoj de la C. O. de UEA, la Supera Direkcio de la italaj doganoj, per decido de la 23 junio 1914, konsentis, ke la ciklistoj membroj de UEA povu provizore importi sian bicikleton en Italujon sen alia dogana formalaĵo ol la prezentado de la membrokarto[1] (laŭleĝe atestita). Tiu favoro estas aplikebla de la 1 julio 1914.

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 30 junio estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 6859 kotizaĵoj (el kiuj 135 subtenantoj kaj 139 dumvivaj membroj.)

*Fakaj membroj:* Interŝanĝa Fako: 489; Studenta Fako: 37.

[1] Laŭ la ordinara regularo, ĉiu ciklisto devas deponi ĉe la limdogano sumon de 35,60 Fr. Por membroj de UEA tiu postulo estas forigata.

**Statistiko.** — **Movado de la korespondaĵoj en la C. O. de UEA dum junio 1914:**

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1277 | 3510 | 346 |

Tuta sumo: 5133. Antaŭa monato: 3235. Antaŭa jaro (sama monato): 2231.

**Financoj.**

*Konteltiro de UEA por la monato junio 1914:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 934. 29 | Oficejo | 55. 25 |
| Subtenantoj | 24. — | Salajroj | 475. — |
| Entreprenoj | 154. 92 | Korespondado | 412. 55 |
| Jarlibro | 41. — | Materialo | 32. 95 |
| | | Presaĵoj | 83. 40 |
| | | Jarlibro | 50. — |
| | | Ofic. Organo | 53. 30 |
| | | Adm. Elspezoj | 204. 45 |
| | 1154. 21 | | 1366. 90 |
| Saldo | 212. 69 | | |
| | 1366. 90 | | 1366. 90 |

**Rabatoj al membroj de la UEA.** — Jen la dua listo de la entreprenoj, kiuj konsentis rabaton al membroj de UEA (vidu la unuan liston en *Esperanto* de 5 julio, paĝ. 190):

*Individua rabato:*

*Kazino de Bagnères-de-Bigorre* (Htes-Pyrénées, Franc.): Favortarifo por la Kazino kaj la ordinaraj prezentadoj de la teatro.

*Kazino de Royan* (Charente-Inférieure, Franc.): 25 %(por enirpagoj kaj abonoj).

*Kazino de Royat* (Puy-de-Dôme, Franc.): 50 %.

*Kazino des Sables-d'Olonne* (Vendée, Franc.): 25 %.

*Kazino de Châtel-Guyon* (Puy-de-Dôme, Franc.): 50 %.

*En Parizo:*

*Folies-Parisiennes*, 29, rue de Flandre (Metro: Bd. Villette): 50 %.

*Little Palace*, 42, rue de Douai. Seĝo rezervita: 4 Fr. anstataŭ 7 Fr.; seĝo 1ª serio 3 Fr. anstataŭ 5 Fr.; 2ª serio 2 Fr. anstataŭ 3 Fr.

*Teatro Grevin*, 10, Bd. Montmartre: 50 % (krom dimanĉo kaj festotago).

*Teatro de la Eifel-turo:* 50 % (krom dimanĉo kaj festotago).

*Variétés Parisiennes*, 17, rue Croix-Nivret (Metro: Cambronne): 50 %.

*Kolektivaj rabatoj:*

*Kazino de Chamonix* (Hte-Savoie, Franc.): 50 % por membroj are vojaĝantaj, la direkcio estu informata unu tagon antaŭe.

*Kazino de Evian-les-Bains* (Hte-Savoie, Franc.): 50 % por membroj are vojaĝantaj; la direkcio estu informata kelkajn tagojn antaŭe.

*Kurshalo de Interlaken* (Berna Oberlando, Svisujo): 50 % por membroj are vojaĝantaj.

*Zoologia Ĝardeno (Jardin d'Acclimatation)*, Bois de Boulogne, Parizo, por aroj ĝis 20 membroj: 50 %; super 20 membroj: 75 %.

*Interkrutaĵo (Gorges) de Trient*, Vernayaz (Valais, Svis.), por minimume 20 personoj: 50 %.

*Interkrutaĵo (Gorges) de Fier* apud Annecy (Hte-Savoie, Franc.), por minimume 15 membroj: 50 %.

*Monta fervojo Gornergrat*, Zermatt (Valais, Svisujo), por minimume 16 membroj: 7 Fr. anstataŭ 12 Fr. por simpla iro; 10 Fr. anstataŭ 18 Fr. por ir-reiro (nenia rabato por interstacioj).

*Departementaj fervojoj de Côte d'Or* (Franc.), por minimume 10 membroj: 50 %; peto tri tagojn antaŭe ĉe: M. le Directeur de la Régie départementale, 18, Bd. Sovigne, Dijon.

**Novaj Delegitoj.**

*Alexandrie* (Egiptujo). — VD.: Paul Cordier, inĝeniero, 48, rue Ragheb Pacha.
*Amsterdam* (Nederlando). — VD.: C. J. Horst, Geldersche Kade 98/II.
*Beaujeu* (Francujo, Rhône). — D.: Léon Méras, vinberkulturisto, Villa des Garennes.
*Chang Shu* (Ĥinujo). — D.: Ecen, 150 Kungchin St.
*Késmárk* (Hungario, Dep. Szepes). — D.: Ludoviko König, profesoro, Felsö Kereskedelmi iskola.
*Körostarcsa* (Hungario, Békés m.). — D.: Béla Dobler, apotekisto.
*La Ciotat* (Francujo, Bouches-du-Rhône). — D.: Lemarchand, 12, rue Fougasse.
*London* (Anglujo). — Kluba D. por Hammersmith Klubo: Alfred Bridges, 20, Wilson's Road, Hammersmith W.
*Luzern* (Svisujo). — D.: F-ino Marie Troxler, instruistino, Waldstätterstrasse 15.
*Magyaróvár* (Hungario). — D.: F-ino Ida Angèle Stronz de Stronzdorff kaj Szentgrobf, Föutca 21.
*Matézálka* (Hungario). — D.: D-ro Fuchs Jenö, advokato.
*Miltitz* (Germanujo, Saksujo). — D.: Alfred Kroeger, komercisto, Poststrasse 1.
*Northern Shan States* (Hindujo, Burma). — D.: R. H. Moody, Burma Mines Ltd., Nam Tu.
*Osnabrück* (Germanujo, Vestfalio). — D.: Ernst August Siekmann, Wörthstrasse 57.
*Pécs* (Hungario). — D.: Lajos Gyula, pastro, Szepesy u. 14.
*Philadelphia* (Usono, Penn.). — VD.: Harry Test, 119 N. 63 rd. St.
*Seifhennersdorf* (Germanujo, Saksujo). — D.: Emil Seibt, Zollstrasse 101 D.
*St. Petersburg* (Usono, Florida). — D.: F-ino E. Esther Owen, instruistino, Southland Seminary.
*Worthington* (Usono, Minnesota). — D.: Leon Steffens, Box 315.

**Ŝanĝoj.**

*Birmingham* (Anglujo, Warwick). — D. kaj DD. por Centra-Suda Anglujo: F. W. Hipsley, termezuristo, Hillaries Road, Erdington.
*Georgjevsk* (Rusujo, Terskaja obl.). — D.: Josef Przyborowski, inĝeniero, en Mozdok.
*Hellerau* (Germanujo, Saksujo). — D.: F-ino Martha Räcke, Hendrichstr. 14/II, en Klotzsche.
*Northampton* (Anglujo). — D.: F-ino Mary L. Oakes, 48, Clarence Avenue, Queen's Park.
*Poitiers* (Francujo, Vienne). — D.: Albert Issaly, oficiro, 125ª infant. reg. VD.: Maumy, direktoro de unuagrada supera lernejo, rue Arsène Orillard.
*St. Louis* (Usono, Mo.). — D.: G. M. Burkarth, 5225, Theodosia Av.
*Thun* (Svisujo). — D.: F. Schwarz, desegnisto, Schönaustr.
*Zaporojje-Kamienskoje* (Rusujo, Ekaterinoslava gub.). — VD.: St. Kvapil, desegnisto, Provodnaja ul. 18.

**Eksiĝoj.**

*Firminy* (VD.: Limousin); *Gainesville* (D.: Owen); *Lazal* (D.: Lesegretain); *Leon* (D.: Amor Rolan); *Neustadt a. Aisch* (D.: Schmalzl); *Villeneuve St. Georges* (D.: Berlande).

# Monata Bileto de UEA

Lastatempe la C. O. okupiĝis je diversaj klopodoj celantaj atingi por membroj de UEA rabatojn ĉe fervoj- aŭ ŝipkompanioj, teatroj, kazinoj, naturvidindaĵoj (grotoj, montaj interkrutaĵoj, ktp.). Ĉar la Kongreso okazas en Francujo, ni opiniis utile komenci tiujn klopodojn per tiu lasta lando, tiel ke niaj membroj povu jam uzi tiujn faciligojn dum sia vojaĝado tra la kongreslando. Oni trovos en la oficiala informilo de la nuna kaj de la antaŭa N-roj la liston de la diversspecaj entreprenoj, kiuj konsentis ĉu individuan ĉu kolektivan rabaton al membroj de UEA, ne sole okaze de la Kongreso, sed ankaŭ konstante. Tiuj klopodoj estos daŭrigataj laŭeble en aliaj landoj. Tiamaniere la membreco de UEA havigas nedubeblajn profitojn, kiujn oni uzu kaj diskonigu!

Laŭ la sama ideo — alligi al la membreco de UEA diversajn personajn profitojn — la C. O. klopodis ĉe diverslandaj doganadministracioj por ke ciklistoj, membroj de UEA, povu importi sian bicikleton sen alia dogana formalaĵo ol la montrado de sia membrokarto. Oni scias, ke ĉe kelkaj landoj (ekz. Aŭstrio-Hungario, Belgujo, Francujo, Italujo, Svisujo), ciklistoj enveturantaj estas devigataj deponi mongarantion — sufiĉe altan — ĉe la dogano. Ni faris la necesajn klopodojn por ke niaj membroj estu liberigataj je tiu ĝena devigo. Favora estis la rezultato. Per decido de la 30 aprilo kaj 9 junio la supera administracio de la Svisaj doganoj decidis, ke membroj de UEA biciklete veturontaj en Svisujon, povos trapasi la landlimon sen depono de garantio, nur montrante la membrokarton laŭleĝe atestitan. La saman decidon alprenis la Itala Ministerio de la Financoj kaj — post plenumo de kelkaj formalaĵoj — alprenos la Belga doganadministracio. Ni ne ankoraŭ sukcesis atingi la saman rezultaton en Francujo. Tamen, dank' al la afabla interhelpo de S-ro Senatano L. Cornet, honora membro de UEA, la Ministro de la Financoj bonvolis konsenti la diritan favoron okaze de la Kongreso. La ĝisnunaj rezultatoj estas do kontentigaj. Aliĝante al UEA, niaj membroj ĝuas la samajn favorojn, kiujn ĉe aliaj societoj oni akiras nur per multe pli alta kotizaĵo. Niaj Delegitoj profitu el tio por varbi membrojn ĉe turistoj kaj ciklistoj, precipe en la regionoj apudaj al la nomitaj landoj.

Ĝis nun la C. O. de UEA konsistis el tri ĉambroj tre modeste meblitaj, ĉe kiuj ni laboris dum kvar jaroj. Kun la kresko de niaj laboroj kaj la plifortiĝo de nia Asocio, plia loko fariĝis necesa same kiel meblaro pli konforma al la postuloj de moderna oficejo. Je la komenco de julio ni akiris du pliajn ĉambrojn ĉe la sama adreso kaj necesan meblaron, tiel ke la Oficejo de UEA aspektu inde (ne luksege!) — kion ni povis fari en bonaj kondiĉoj, atentante la modestecon de nia buĝeto.

*H. H.*

# Kongreso de UEA

*GRAVAJ INSTRUKCIOJ*

## Al niaj Membroj.

1e Ĉiuj membroj de UEA kunportu al la Kongreso sian membrokarton por 1914 kun fotografaĵo laŭleĝe atestita.

2e Ili uzu tiun membrokarton:

*a)* por ĝin prezenti dum la vojaĝo al la Delegitoj, de kiuj ili deziros peti servojn.

*b)* por ricevi eventualajn rabatojn sur la fervojoj, en kazinoj, teatroj, grotoj, ktp. (vidu la liston en *Esperanto* de 5 kaj 20 julio).

*c)* por enkonduki sian bicikleton en Francujon, Italujon kaj Svisujon, sen depono de mongarantio ĉe la landlimo.

3e Ili kunportu sian insignon de UEA, uzu ĝin dum la vojaĝo kaj dum la tuta kongreso, kie, por malgravaj aferoj, ĝi anstataŭos la membrokarton.

4e Antaŭ ĉiu labora kunveno de UEA ili atente legu en la Kongresa Dokumentaro (enmetota en la kovertoj disdonotaj al ĉiuj kongresanoj) la raportojn diskutotajn.

5e La membroj, kiuj deziras fari proponon aŭ demandon, bonvolu sin enskribi almenaŭ unu tagon antaŭe ĉe la Oficejo de UEA en la kongreso kaj redakti la tekston de la propono aŭ demando farota.

## Al niaj Delegitoj.

1e Ĉiu Delegito vizitanta la Kongreson estas petata ĉeesti la specialan kunvenon por Delegitoj, kiu okazos sabaton 8 aŭgusto je 9½ h. matene.

2e Li uzu la okazon por rilatiĝi kun la estraro de UEA, kiel estas montrite ĉi sube.

## Oficejo de UEA dum la Kongreso.

Dum la Kongreso UEA havos sian oficejon en la Gaumont-Palace, tria etaĝo (ĉambraro de la administraj servoj de la Kongreso).

Ĝi estos malfermata ĉiutage je la horoj afiŝotaj ĉe la kongresejo kaj anoncotaj ĉe la kunvenoj.

En tiun oficejon estas petataj sin prezenti:

1e Ĉiuj personoj, kiuj deziras: aliĝi al UEA, fariĝi Delegitoj, aboni *Esperanto'n*, fariĝi subtenantoj, garantiantoj, aŭ iamaniere finance subteni la Asocion.

2e Ĉiuj Delegitoj aŭ membroj, kiuj deziras fari proponojn pri la raportoj diskutotaj dum la laboraj kunvenoj aŭ pri la ĝenerala agado de UEA, ĉu iamaniere kunlaboradi en UEA.

3e Ĉiuj samideanoj, kiuj konsentas helpi al la bona laborado dum nia Kongreso (nome, skribi petojn kaj proponojn de la membroj, varbi membrojn, redakti notojn por la gazetoj, kc.) estas petataj, kun antaŭaj dankoj, sin prezenti jam en la komenco de la Kongreso ĉe la Oficejo de UEA.

## Varbado de membroj.

Ĉiuj niaj amikoj memoru, ke la Kongreso estos bonega okazo por varbi multajn novajn membrojn. Kiu elspezas centojn da frankoj por ĉeesti la Kongreson ne kalkulas 2.50 Fr. plie aŭ malplie, kaj volonte aliĝos, se oni scias montri al li la utilon de UEA tiel por la membroj kiel por la sukceso de Esperanto. Oni obstine varbu novajn membrojn kaj alkonduku ilin en la Oficejon de UEA!

# Statistiko de la membroj de UEA

Oni ĉi sube trovos la dispartigon de la membroj de UEA laŭ la diversaj landoj. La statistiko estis farita je la 1 julio. Inter krampoj estas la cifero de la membronombro en la lasta jaro, je la sama epoko.

Ekzamenante la tabelon, oni konstatos, ke preskaŭ ĉiulande la nombro de la membroj kreskis. La proporcie pli altan kreskon oni trovas en Siberio, Aŭstrio-Hungario kaj Usono. En aliaj landoj la pligrandiĝo estas proksimume laŭ sama proporcio. Malkreskon oni konstatas nur en Norvegujo kaj Portugalujo. La vico de la landoj kompare kun 1913 preskaŭ ne ŝanĝis: Usono pasis antaŭ Hispanujo, Siberio fariĝis la 13a anstataŭ la 17a, Bulgarujo la 18a anstataŭ la 26a. Oni rimarkos, ke ĉe kelkaj landoj la nombro de la membroj de UEA kompare kun la nombro de la Esperantistoj kaj la graveco de la Esp-movado estas tro malgranda, ekz. en Italujo, Belgujo, Rumanujo, Brazilujo ktp.

Se ni transiras, al la dispartigo de la membroj laŭ regiono, ni konstatas, ke je la 1 julio 66 urboj havas pli ol 20 membrojn, nome:

*Aŭstrio-Hungario:* Arad 30, Budapest 31, Kassa 24, Krakow 33, Praha 39, Trieste 32, Ungvar 22, Wien 29.

*Belgujo:* Bruxelles 26.

*Britujo:* Edinburgh 29, Glasgow 24, London 253.

*Danuoj:* Kopenhago 20.

*Francujo:* Beaune 21, Dijon 50, Grenoble 22, Lyon 47, Marseille 32, Nancy 27, Paris 149, St-Etienne 20.

*Germanujo:* Augsburg 28, Berlin 72, Breslau 58, Chemnitz 29, Danzig 35, Dresden 137, Düsseldorf 20, Essen-Ruhr 41, Hamburg 102, Hannover 43, Königsberg 20, Leipzig 36, München 54, Stuttgart 48, Worms 25.

*Hispanujo:* Barcelona 46, Cordoba 26, Madrid 21, Sabadell 26, Sevilla 39, Valencia 32.

*Italujo:* Firenze 27.

*Nederlando:* 's-Gravenhage 41, Rotterdam 49.

*Rusujo:* Ĥarkov 28, Kaliŝ 30, Kiew 21, Kovno 20, Moskvo 123, Peterburgo 55, Reval 20, Riga 29, Varsovio 43, Vilna 21.

*Afriko:* Cape Town 33.

*Ameriko:* Buenos Aires 22, Detroit 26, Montevideo 29, New York 26, Philadelphia 21, Pittsburgh 24.

*Azio:* Kanton 25, Peking 45, Shanghai 24.

*Oceanio:* Melbourne 24.

### Dispartigo de la membroj laŭ landoj

(1 julio 1914)

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | Germanujo | 1348 | (1208) | 23 | Turkujo | 25 | (4) |
| 2 | Francujo | 993 | (852) | 24 | Portugalujo | 24 | (32) |
| 3 | Britujo | 846 | (737) | 24 | Argentino | 24 | (1) |
| 4 | Rusujo[1] | 829 | (715) | 25 | Rumanujo | 19 | (9) |
| 5 | Aŭstrio-Hung. | 678 | (384) | 26 | Kanado | 17 | (6) |
| 6 | Usono | 435 | (251) | 27 | Kubo | 14 | (9) |
| 7 | Hispanujo | 300 | (274) | 28 | Malezio | 8 | (5) |
| 8 | Svisujo | 172 | (162) | 28 | Hindujo | 8 | (5) |
| 9 | Nederlando | 163 | (160) | 29 | Angola | 7 | (7) |
| 10 | Italujo | 119 | (119) | 30 | Maroko | 6 | (2) |
| 11 | Ĥinujo | 98 | (82) | 30 | Persujo | 6 | (6) |
| 12 | Belgujo | 91 | (65) | 30 | Ĉilio | 6 | (3) |
| 13 | Siberio | 75 | (36) | 31 | Serbujo | 5 | (2) |
| 14 | Svedujo | 58 | (47) | 32 | Alĝerio | 4 | (1) |
| 15 | Aŭstralio | 53 | (43) | 32 | Japanujo | 4 | (2) |
| 16 | Danujo | 50 | (49) | 33 | Tunizio | 3 | (4) |
| 17 | Finnlando[1] | 49 | (—) | 33 | Koŝinĥinujo | 3 | (4) |
| 18 | Bulgarujo | 45 | (5) | 33 | Antilioj | 3 | (5) |
| 19 | Sud-Afriko | 44 | (10) | 34 | Grekujo | 2 | (—) |
| 20 | Urugvajo | 29 | (—) | 35 | Sudano | 1 | (—) |
| 20 | Egiptujo | 29 | (8) | 35 | Bolivio | 1 | (—) |
| 21 | Brazilujo | 28 | (27) | 35 | Okcidenta Afriko | 1 | (—) |
| 22 | Norvegujo | 26 | (27) | | | | |

# Niaj propagandiloj

Ni havas la plezuron anonci al niaj Delegitoj kaj membroj, ke por plifaciligi ilian propagandadon, UEA decidis malaltigi la prezon de la nacilingvaj propagandaj folioj pri nia Asocio. Tiuj folioj, falditaj en broŝura formo de 8 paĝoj, enhavas informojn pri UEA kaj Esperanto. Ili estas tre taŭgaj por disdonado ĉe paroladoj, festoj, aŭ por individua propagando.

Prezo:

| | | |
|---|---|---|
| 100 ekzempleroj (afranke) | Fr. 0. 75 | (Sm. 0. 30) |
| 500 „ „ | „ 3.— | ( „ 1. 20) |

La folioj ekzistas en *angla, franca,* aŭ *germana* lingvo. Oni mendu ilin de la Centra Oficejo de UEA, kunsendante la necesan monsumon.

# Gvidfolioj kaj gvidlibroj

**Gvidfolio** celas liveri al la vojaĝantoj la plej urĝajn informojn pri iu difinita urbo, ĉu el Esperantista, ĉu el ĝenerala vidpunkto. Ĝi enhavas: 1e la adreson de la Delegito kaj de la konsuloj; 2e la adresojn de la lokaj Esperantistaj grupoj, se estas, kaj iliajn kunvenejojn; 3e la adresojn de la firmoj kaj hoteloj rekomendataj al Esperantianoj; 4e kelkajn informojn pri la vizitindaĵoj, distraĵoj, prezo de la komunikiloj ktp.

[1] Antaŭe Rusujo kaj Finnlando estis kunigitaj. Kun Siberio kaj Finnlando Rusujo nun havas 953 membrojn.

Ekzistas ĝis nun gvidfolioj en la jenaj urboj[1]:

**Aŭstrio-Hungario:** *Bozen-Gries, Budejovice, Praha, Prostejov, Roznov.*
**Belgujo:** *Spa.*
**Bulgarujo:** *Sofia.*
**Britujo:** *Bath, Cheltenham, Cromer, Letchworth, Liverpool, London, Portsmouth.*
**Danujo:** *Aarhus, Kopenhag.*
**Finlando:** *Kotka.*
**Francujo:** *Beaune, Bordeaux, Calais, Dijon, Grenoble, La Rochelle, Louhans, Poitiers, Roye, Tours, Vienne.*
**Germanujo:** *Bamberg, Breslau, Dresden, Elberfeld, Halle, Hannover, Kiel, Königsberg, Krefeld, Leipzig, Merseburg, München, Rostock, Stuttgart, Weinböhla.*
**Hispanujo:** *Cartagena, Madrid, San Sebastian, Sevilla.*
**Rusujo:** *Kiew, Moskvo, Odessa, Peterburgo, Saratov, Varsovio, Viŝni-Voloĉok.*
**Svedujo:** *Stockholm.*
**Svisujo:** *Davos, Genève, Le Locle, Rorschach.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Prezo:* 1 ĝis 10 ekz. | *10 ct.* | ( 4 sd.) | Por membroj de UEA. |
| 11 „ 25 „ | *25* „ | (10 „ ) | |
| 26 „ 50 „ | *50* „ | (20 „ ) | |
| Plena kolekto (kun la Universitataj gvidfolioj) | *75* „ | (30 „ ) | |

Oni povas mendi ekz. de sama aŭ de malsamaj urboj laŭvole. Oni pagu per poŝtmandato, transpagilo, respondkuponoj aŭ respondpoŝtkarto 10 ct. Naciaj poŝtmarkoj, krom svisaj, ne estas akceptataj.

La supraj prezoj valoras *nur por la membroj de UEA,* kiuj ĉe la mendo notu sian membronumeron.

* * *

**Universitata gvidfolio** celas utili al la studentoj, kiuj deziras veturi eksterlanden por kompletigi siajn studojn en alilanda universitato. Ĝi enhavas informojn pri la Universitato (programo, kosto, studkondiĉoj), pri loĝejoj por studentoj, pri libertempaj kursoj por alilandanoj ktp.

Ĝis nun ekzistas tiaj gvidfolioj en la jenaj urboj:

*Dijon, Grenoble, Innsbruck, Milano, Nancy, Peterburgo, Poitiers.*

*Prezo:* Plena kolekto *25 ct.* (10 sd.) por membroj de UEA.

* * *

**Gvidlibro** celas konigi difinitan regionon kaj priskribi ĝiajn allogaĵojn.

I = ilustrita; R = resumo Esperanta.

La C. O. de UEA liveras afrankite gvidlibrojn de la jenaj regionoj laŭ la flanke montritaj prezoj[2]:

| | Ct. | Sd. |
|---|---|---|
| **Aŭstrio-Hungario** | | |
| *Franzensbad* (16 paĝ. 13×19,5. I) | *10* | 4 |
| *Stirio.* (Represo el „Universo"; 12 paĝ. 15×22,5) | *25* | 10 |
| *Tra Bosnio kaj Hercegovino* (34 paĝ. 12×18) | *25* | 10 |
| **Francujo** | | |
| *Château-Thierry* (16 paĝ. 16×12,5. I) | *10* | 4 |
| *Tra la lando Anjou* (8 paĝ. 11×19. I) | *10* | 4 |
| *Vichy-Gvidlibreto* (24 paĝ. 14,7×9. I) | *10* | 4 |
| **Germanujo** | | |
| *Augsburg* (12 paĝ. 10,7×16,6. I) | *10* | 4 |
| *Bad Reichenhall* (32 paĝ. 11,5×16,3. I) | *10* | 4 |
| *Breslau* (24 paĝ. 11,5×16,5. I) | *10* | 4 |
| *Tra Dancigo* (16 paĝ. 11,5×16,5. I) | *10* | 4 |
| *Düsseldorf am Rhein* (24 paĝ. 12,3×22,2. R) | *10* | 4 |
| *Vizitu Esslingen apud Neckar!* (8 paĝ. 12×21,5. I) | *10* | 4 |
| *Stuttgart* (52 paĝ. 11,5×16. I) | *15* | 6 |
| *Weinböhla* (52 paĝ. 12,8×18,2. R) | *15* | 6 |
| *Wernigerode-Hasserode* (8 paĝ. 11×19. I) | *10* | 4 |
| **Usono.** | | |
| *Los Angeles* (64 paĝ. 21×10) | *25* | 10 |

[1] Grupoj, societoj aŭ Delegitoj dezirantaj eldoni gvidfolion legu la klarigojn sur paĝoj 37—38 de la *Oficiala Jarlibro de UEA.*

[2] Societoj eldonintaj gvidlibron kaj dezirantaj partopreni en tiu servo bonvolu sin turni al la C. O. de UEA.

# Esperantia Ŝildo

Ni havas la plezuron anonci, ke aperis speciala ŝildo por Delegitoj, eldonita de UEA.



**Regiona DELEGITO Universala Esperanto-Asocio**

Tiu ŝildo (kliŝaĵon oni vidu ĉi supre) mezuras 29×19 cm. Ĝi estas el bona lado, kun blanka fono kaj verdaj literoj. Ĝi estas speciale taŭga por alfiksi kontraŭ dompordoj, en magazenoj, oficejoj, kontoroj, k. a.

La ŝildo estas luata al ĉiu Delegito po **2 Frankoj** (kun alsendo rekomendite). La luado daŭras la tutan tempon dum kiu Delegito okupas sian postenon. Kiam li ĉesas esti Delegito, li devas resendi la ŝildon al la C. O. de UEA.

Mendo de ŝildo signifas akcepton de tiuj kondiĉoj.

Oni sendu ĉiujn mendojn kun mono al: *Universala Esperantia Librejo*, 10, rue de la Bourse, Genève (Svis).

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *L. J. Andreevskij*, Esp-iano en Peterburg, kore dankas S-ron J. Garzon y Ruiz, Del. en Cadiz, pro grava servo farita al lia parenco.

.·. S-ro *W. H. Dennis*, Esp-iano en Woolwich, kore dankas S-ron O. Godman, Del. en St. Albans, pro rapide plenumita servo.

.·. S-ro *J. Alvarez*, Konsulo por komerco, Liverpool, dankas la Del. kaj aliajn Esp-ianojn en Paris, Lyon, Marseille, Valencia, Murcia, Cordoba, Sevilla, Valladolid, ktp., pro ilia afabla helpo dum vojaĝo. Specialan dankon li ŝuldas al S-ro F. Soriano, Del. en Sevilla, pro lia tre afabla akcepto.

.·. S-ro *Krestanof*, bulgara Esp-iano, dankas tutkore al Ges-roj Dannenmüller, Del. kaj S-ro Boucon en Annecy, S-ro Evrot, Del., kaj S-ro R. Evrot, filo, en Chambéry, S-ro Ploussu, Del. en Grenoble, S-ino Farges en Lyon, S-ino Henriet-Nolotte, konsulino en Dijon, kaj S-ro Finkelstein, pola Esp-iano en Paris, pro iliaj afablaj servoj dum la lasta vojaĝo tra Francujo. Plie li dankas S-ron Mallet, Del. en Genève, F-inon A. Ŝarapova ks. en Genève, S-ron Andreassian, Del., kaj Ges-rojn Gaumont en Lausanne pro ilia neforgesebla afableco.

.·. S-ro *L. Hantos*, Del. en Kecskemet, kore dankas S-rojn M. Carolfi, Del. en Rimini, kaj B. Migliorini, Del. en Venezia, pro gravaj servoj.

.·. S-ro *A. Finjakov*, Esp-iano en Urupskaja, dankas S-ron A. Fiŝer, Del. en Tiflis, S-inon H. Hall, Vicdel. en Helsinki, kaj S-ron R. M. Bailey, Del. en West Sommerville, pro rapide kaj bone plenumitaj servoj.

.·. S-ro *L. Jourdan*, Komerca Konsulo en Marseille, sincere dankas S-ron H. B. Langille, Del. en San Francisco, pro valorplenaj informoj.

.·. S-ro *S. R. Litvinov*, Esp-iano en Lugansk, tre dankas S-ron Westermann, Del. en Jurjevskij Zavod, pro tre gravaj informoj.

.·. S-ro *N. Starosjelskij*, Del. en Aŝabad, dankas S-rojn Vollmer, Del. en Mannheim, kaj A. Der-Hovhannisjanc, Del. en Tabriz, pro akurate ricevitaj informoj.

.·. S-ro *St. Stejskal*, Esp-iano en Praha-Vinohrady kaj S-ro *K. E. Macan*, instruisto de blindulejo Klar en Praha, kore dankas ĉiujn, kiuj partoprenis la monkolekton aranĝitan por ebligi al du Esp. blindulinoj el Praha la veturadon al Paris okaze de la tie okazonta blindula kongreso. La kolekto, dank' al la oferemo de bohema Esperantistaro kaj precipe al la klopodoj de la Delegitoj tiel bone sukcesis, ke certe kvar blindulinoj povos veturi Parizon.

## Oni petas!

.·. S-ro *S. Sariĉev*, Sekretario de Astraĥana Societo Esperantista, Astraĥan (Rus.), petas precipe la Delegitojn sendi al li adresojn de plej famaj aŭ grandaj fabrikoj de diversaj ludiloj kaj amuziloj en diversaj landoj. Tiujn informojn li bezonas por la magazeno „S-to Tenejo de gramofonoj", kiu jam ekinteresiĝis pri Esp.; ankoraŭ unu aŭ du trafajn servojn kaj ĝi fariĝos Esp. Entrepreno.

.·. S-ro *J. Edwards*, Del. en Aberystwith (Angl., Cardigan) intencas presigi Esp. eldonon de la „Haleluja", ĥoro de Händel, kaj petas la samideanojn, kiuj ĝin dezirus kanti dum la X^a Kongreso, poŝtkarte lin sciigi.

.·. S-ro *L. Jourdan*, Komerca Konsulo en Marseille (Franc.), 41, rue de Turenne, anoncas, ke li sukcesis malfermi provizoran Esp. rubrikon en grava loka ĵurnalo kaj petas ĉiujn por alsendo de taŭga materialo, novaĵoj, ktp. por povi daŭrigi la Esp. fakon.

# Esperantia Vivo

**Naskiĝo.** — Al S-ro *D. Nicorescu*, Esp-iano en Ploesti (Ruman.) naskiĝis filino Cecilia Nicorescu.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Joaquin Machuca de Los Santos*, Esp-iano en Sevilla, kun F-ino *Lotta Müller*, Esp-ianino en Adony (Hungar.).

S-ro *Isauro Alvarez*, konsulo en Liverpool, kun F-ino *Flora Rodriguez*, el Bilbao.

S-ro *Maiguen*, profesoro de gimnastiko, kun F-ino *Louise Colombet*, fratino de la Porvirina Konsulino de UEA en Marseille.

**Edziĝoj.** — S-ro *Henri Petit*, Esp-iano el Paris, kun F-ino *Emilie Lombardot*, lernantino de Esperanto. Kiel festinsignojn la tuta edziĝinvititaro surhavis Esp. flagetojn.

**Morto.** — Ni kun bedaŭro eksciis la morton de la patrino de S-ro *H. A. Epstein*, Ĉefdel., Londono. Al nia sindonema samideano ni sendas la esprimon de nia simpatio.

Mortis S-ino *Emma Albone*, edzino de S-ro W. J. Albone, antaŭe Del. en Rugby (Anglujo).

# Alvokoj

## Ĝenerala kunveno de la Kristana Esperantista Ligo (K. E. L.)

Inter la Esperantistoj celantaj Kristanismon (plej multe protestantaj) oni fondis lastatempe internacian ligon. Tiu ĉi ligo jam havas anojn en multaj diversaj landoj kaj celas enkonduki Esperanton en la Kristanan mision internacian, precipe en la Kristanaj Unuiĝoj de Junaj Viroj (K. U. J. V., angle: Y. M. C. A. germane: C. V. J. M. france: U. C. J. G.)

*Je la 2 aŭgusto posttagmeze je 3 h.* tiu ĉi ligo havos ĝeneralan kunvenon en la domo de la plej granda K. U. J. V. en Parizo, en la *Union Chrétienne de Jeunes Gens, 14, rue de Trévise*. Programojn oni disdonos laŭ ebleco. Kiu interesiĝas je la afero, turniĝu al tiu ĉi adreso.

## Samideaninoj, helpu!

En nia urbo jam duan jaron ekzistas grupeto el 10 personoj, sed inter ili tute ne estas virinoj. Malgraŭ nia penema propagando ni ne sukcesis ilin atingi. Tial mi petas ĉiujn samideaninojn atenti mian peton kaj montri al mi la plej efikajn rimedojn por la propagando inter virinoj.

*A. Ŝirginov*, Del.,
Uspenskaja ul, d. Tokareviĉ, Pskov (Rustando)

## Komerca Kongreseto

Dum la Deka Kongreso la franca Esperantista Komerca kaj Industria Asocio organizas kongreseton. Por ĉiuj informoj oni bonvolu sin turni al la sidejo de la nomita societo: 71, rue Monge, Paris, Ve.

Jen aliparte la nomoj de la unuaj partoprenantoj en la komerca ekspozicio organizata de la sama societo okaze de la Kongreso:
Firmo Neuman, Fabrikejo de katolikaĵoj, karnavalaĵoj, Dresden.
Anonima Societo Dentbroso ŝanĝebla-Dentclair, Paris.
Ĉampanvino kaj ŝaumanta vino, Epernay.
Société des cires d'Ivry, Ivry-Paris.
Fabrikejo de elektraj transformatoroj, Gentilly-Paris.
Kunstverlag Lanquist, Artaj reproduktaĵoj, Berlin.
Firmo Farnis, Lanaj ŝtofoj, Terrasa.
Firmo Holden fratoj, ŝuoj, botoj, London.
Anonima societo de la teksaĵoj de Angers.

## Paris-kongresanoj, vizitu Moravion!

Prof. Absolon malkovris ĝis nun nekonatan subteran enirejon en mondkonatan abismon *Macocha*, apud Brno en „Moravia Kraso". La subteraj grotoj estas veraj grandiozaj haloj tiel mirindaj, ke neniu lando povas per similaj paradi. Ne forgesu ankaŭ veturi en ĉarman banlokon *Luhačovice*, proksime de Brno aŭ Vieno, por vidi naciajn kostumojn slovakajn.

La Delegiton Mareš en Luhačovice anstataŭas ĝis la 31 oktobro 1914 la vicdel. D-ro Henriko Šipek, kuracisto, kiu tre komplezeme akceptos ĉiun samideanon en sia propra vilao „Praha" (kie troviĝas ankaŭ Esperanto-oficejo) kaj donos al ĉiu Esperantisto 20—30 % rabato je luprezo. La kuracistoj-esperantistoj ricevos en vilao „Praha" loĝejon tute senpage. Studentoj-esperantistoj kaj membroj de Corda Fratres ankaŭ povas senpage loĝadi en studenta azilo. Skribu antaŭe al la vicdelegito D-ro Henriko Šipek, kuracisto en Luhačovice, „Esperanta Hejmo" aŭ rekte al delegito S-ro *Joza Mareš*, učitel, *Luhačovice*, Na Petrůvce (Aŭstrio-Morava).

P. S. Bele ilustr. gvidlibrojn ĉiulingvajn sendos la delegito senpage!

## Fizikistoj kaj Ĥemiistoj

Speciala kunveno de la sekcio de Fizikistoj kaj Ĥemiistoj de Scienca Asocio okazos dum la Paris'a kongreso, mardo 4 aŭgusto je 17 h. en ĉambro de la kolegio „Chaptal" apuda je la kongresejo.

Jen la tagordo de la kunveno:
1e Raporto de la sekretario pri la agado de la sekcio depost la Bern'a kongreso.
2e Komuna studado pri la programo sekvota dum la venonta jaro.
3e Propagando dum la internaciaj kongresoj de Fizikistoj kaj Ĥemiistoj, kiuj okazos en 1915.
4e Teknikaj komunikaĵoj.

La personoj, kiuj interesiĝas al la laboroj de la sekcio kaj ne povos ĉeesti, estos petataj sendi siajn rimarkojn pri la diversaj demandoj traktotaj al S-ro P. Dejean, Delegito de UEA, 6, rue de Macon, *Le Creusot* (Franc.).

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. Pl = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl. = *bildflanko*.

ANNONAY (Francujo, Ardèche). — S-ro kaj F-ino Lapize de Sallée, Place de Cance, Pl. PM. (kun ĉiuj landoj).

BRUNSWICK (Aŭstralio, Melbourne). — F-ino Fifine Davy, Commercial Bank, Sydney Road, L. PK. (kun ĉiuj landoj).

BUDAPEST (Hungario). — S-ro Georgo Székely, Wesselényi u. 20, Pl. PM.

BUDAPEST (Hungario). — S-ro Weisz György, Nagydrofa u. 19, Pl. PM.

CANCON (Francujo, Lot-et-Garonne). — F-ino Denyse Marey, L. PK. (ĉiam respondos).

ĆUPRYA (Serbujo). — S-ro Leopold Berger, inĝeniero, L., Pl., esp. gazetoj, propagandiloj.

DANKOV (Rusujo, Rjazanj gub.). — S-ro Roman Javoronkov, PM. (ne sendas unue).

EAST MELBOURNE (Aŭstralio). — F-ino J. G. Orr, 179 Powlett Street, faronte vojaĝon dum 1915/16 deziras korespondi L., prefere en la ĉefurboj. Ankaŭ PM.

ESSONNES (Francujo, Seine-et-Oise). — S-ro Aimé Mary, L. PK. PM. (kun ĉiuj landoj).

ESSONNES (Francujo, Seine-et-Oise). — S-ro René Dugimont, Poste Restante, L. PK. PM. (kun ĉiuj landoj).

FLINT (Usono, Michigan). — S-ro H. M. Torrey, poŝtoficisto, Pl., L., PM. (kun ĉiuj landoj).

HARROW (Anglujo). — S-ro W. Carran, 15, Hamilton Road (pri gramofonaj diskoj, precipe opermuziko, kun gramofonamantoj en Germanujo, Francujo kaj Italujo).

IRKUTSK (Siberio). — S-ro Teodoro Titov, 2 Jerusalimskaja ul. 72, Pl. L.

KEMPTEN I. A. (Germanujo, Bavarujo). — S-ro K. Riess, Fuchsbühlstr. 210, PM. (kun ĉiuj landoj).

LYSS (Svisujo). — S-ro Emil Steiner, Pl., PM. (kun ĉiuj landoj).

POITIERS (Francujo, Vienne). — La fraŭlinoj kaj fraŭloj de „Esperantista Junularo" deziras konstantan korespondadon kun ĉiuj landoj. Sin turni al la prezidanto: S-ro Gaston Lelarge, studento, 44, rue de la Cathédrale, Pl., PM., L., bfl.

RJAZANJ (Rusujo). — S-ro Gr. Kuzmin, Butirkistrato, PM. (korespondi kun ĉiuj landoj, precipe kun hispanoj; plezure pri internaciaj lingvoj).

SERPUĤOV (Rusujo, Moskva gub.). — S-ro P. Flantikov, fabriko de Konŝin, Pl. (pri laboristaj aferoj).

SEVILLA (Hispanujo). — S-ro Joaquin Machuca, stud. med., str. Encina 10, PM. Pl. bfl. (kun ĉiuj landoj; tuja respondo).

SEVILLA (Hispanujo). — S-ro Ignacio Aunon, str. Santa Ana 29, Pl. PM. bfl. (ĉiam respondos).

STADTAMHOF apud Regensburg (Bavarujo). — S-ro Ewald Mühleisen, Pl. PK. L. (gazetojn; kun ĉiuj landoj krom Rusujo kaj Germanujo).

STANICA BATALPASCHINSK (Kaŭkazo, Kubanskaja oblast). — S-ro Valerio Johano Besedin, PM., Pl. (kun ĉiuj landoj krom Rusujo).

ST. ZOLOTUĤINO (Rusujo). — S-ro A. Chilov, Moskvo-Kursk fervojo? 

SUNDERLAND (Anglujo). — S-ro Geo. S. Thatcher, 17 Peel Street, Pl. L. (kun ĉiuj landoj).

VILNA (Rusujo). — S-ro Stefano Burhardt, Georgievskij prosp. 1, PM.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ĈIAN FURAĜON, semon, teron, sterkon aŭ farmo-produkton nekare analizas kaj prijuĝas la „Agrikultura Kontrolstacio, Berlin NW. 40".

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset*, (Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Petu* senpagan Esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorraine, *Beaune*, Côte-d'Or, Francujo.

DISKRETA SERVO. Kiu intencas ion aĉeti, vendi aŭ proponi, aŭ se iu volas ion komuniki aŭ publikigi, aŭ kiu havas sekretan deziron kaj ne volas montri sian nomon, postulante severan diskreton, sendu sian peton sub signo aŭ moto al Komerca Agentejo, Václav Brož, Kladno-Bohemujo.

ESPERANTO PAROLATA. — Ŝildo, 22 × 16 ct., blanka fono kun verda skribo, el emajlo nur fr. 1,50 kun sendo. Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève.

GRANDA ASOCIO intencas efektivigi tre interesan entreprenon, kiu estas bazita sur nova ideo devenanta de la lingvo internacia. Postulu prospektojn' de Komerca Agentejo, Václav Brož, Kladno-Bohemujo.

INFORMO. — E. Souchay sciigas siajn korespondantojn, ke li ne plu loĝas 134 bld. Exelmans, sed 29 rue d'Ablon, en Athis-Mons (Seine-et-Oise) en bela kaj saniga ĉirkaŭaĵo de Parizo. Lia edzino volonte akceptos hejme, kiel pagantan gaston, fraŭlinon dezirantan perfektiĝi en la franca lingvo.

INĜENIERO, kiu konstruas maŝinojn por fari brikojn kaj diversajn artefaritajn ŝtonojn, deziras aĉeti gazetojn kaj katalogojn, kiuj montras tiujn maŝinojn. Li deziras ankaŭ scii, kie oni intencas ekkonstrui brikfabrikojn en la tuta mondo. Sukcesplena helpo estos pagata. Oni skribu al S-ro Mansfeld en Merseburg/Saale, Germanujo, Wilhelmstr. 4. 10

JUNA FRANCA PROFESORINO, parolanta germane, dezirus dum libertempo instrui francan lingvon en germana gimnazio, liceo aŭ pensionlernejo. Proponojn sendu al Hug, Delegito en Toul (Francujo, M. et M.).

OFICO SERĈATA. Por la 14½ jara filo de mastro, mi serĉas lokon kiel komerclernanto en komercejo, kie krom koloniaj komercaĵoj oni vendas feron kaj ferbabrikaĵojn. Li preferas Germanujon aŭ Francujon, por pliperfektiĝi en germana lingvo, aŭ ellerni francan. Oni sin turnu al: Komerca Agentejo, Václav Brož Kladno-Bohemujo.

PENSION-LERNEJO: 17 St. Stephen's Square, London W, D-ro O'Connor. M. A. P. D-ro. Prospekto senpage.

PETO AL GERMANAJ SAMIDEANOJ! D-ro Paulet, Sommières (Francujo, Gard), deziras sendi sian filon en Germanujo aŭ kiel oficiston en firmo aŭ kiel instruiston. Li estas 18-jara kaj havas ateston pri kapableco por la franca lingvo kaj komercan diplomon de la „Ecole Pigier".

POŜTMARKOJ. — Mi deziras interŝanĝi poŝtmarkojn de ĉiuj landoj kontraŭ PM., kartoj aŭ aliaj kolektobjektoj. Skribu al S-ro Léon Grivet, Vevey, Svislando.

RUSA VORTARO de P. Stojan, laŭ modelo Larousse, enhavas 40 mil vortojn kaj 1300 bildojn. Afrankite kaj rekomendite Sm. 3. 50, bone bindita Sm. 3. 80. Librejo „Esperanto", Lubjanski pr. 3, Moskvo.

SAMIDEANOJ HELPU! Mi volas pasigi en Germanujo unu jaron por perfektiĝi en la germana lingvo kaj serĉas konvenan oficon aŭ laboron. Ne postulema. Iv. H. Krestanof, stud. fil., Poste Restante, Bureau 29, Paris V.

SENDU 1 Sm., ĉu monon, ĉu respondkuponojn, kaj vi ricevos rekomendite 3 belajn fototipiojn, formato 30/40, reprezentantajn la plej belajn montojn el Svislando. Mendojn adresu al Chr. Balsiger, Delegito en Vevey, Svislando.

| | Prezo (afranke) Fr. |
|---|---|
| Ed. PRIVAT. — **Tra l' Silento.** Poemoj. Lukse eldonita | 1.50 |
| D-ro SCHULHOF. — **Poemaro.** Tri volumoj. (entute) | 1.50 |
| D-ro VALLIENNE. — **Kastelo de Prelongo.** Romano. 450 p. | 4.50 |
| D-ro VALLIENNE. — **Ĉu li?** Romano. 450 p. | 4.50 |
| **MUZIKO:** | |
| K. JOST. — **Esperantista Kantaro.** 17 liedoj. 40 p. | 1.— |
| **Esperantista Kantaro.** 2ª eld., 10ª milo. 72 p. | 0.75 |
| **INSIGNOJ, FLAGOJ:** | |
| **Oficiala insigno de UEA.** — Pinglo aŭ broĉo (poŝte rekomendita) | 1.15 |
| Butono | 1.45 |
| Por Delegitoj. Pinglo, broĉo aŭ butono | 1.25 |
| **Esperantista insigno** (modelo Gasse). Pinglo aŭ broĉo (poŝte rekomendita) | 1.— |
| Butono | 1.25 |
| Kravatpinglo | 0.85 |
| Ĉeninsigno | 1.75 |
| **Esperantista flago.** 25×16 cm. | 0.75 |

*ATENTU! — Ĉiuj verkoj supre notitaj estas sendataj afrankite. Por rekomendo aldonu 25 ct.*

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO